# esperanto

septembro 1994
87-a jaro
n-ro 1062 (9)


Universala Esperanto-Asocio (en konsultaj rilatoj kun UN kaj Unesko)

ISSN 0014-0635


Seulo: Kongresa ardo, juneca freŝo

# Enhavo



# Vi trovos

ke la revuo rompas la rutinon de la lastaj 22 jaroj, kiam la septembra numero estis ekskluzive dediĉita al la ĵusa Universala Kongreso. Ĉi-jare ni artikolas krome pri pluraj someraj E-aranĝoj. Certe ne mankas al ni materialo pri la UK, ĝi eĉ plenigas tutan tirkeston. Sed kial bari la fluon de tiom da aliaj informoj venintaj dum la somero? Kial denove ŝarĝi la oktobran, eĉ la novembran numeron per novaĵoj ja interesaj, sed apenaŭ freŝaj? Se vi kontentas pri tiu ĉi nova aranĝo, vi pardonos ke, aliflanke, kelkaj tekstoj pri la UK, la IJK kaj la ILEI-konferenco ŝoviĝos al posta numero.

Dum la kongreso ĉ. 25 el vi havis okazon, dum kunveno de legantoj, esprimi vian opinion pri la revuo. Tiam BAK Giŭan proponis aperigon de prononc-indikoj post ne-Esperantaj propraj nomoj. En Seulo plejparto aprobis tiun ideon. Ĉu ankaŭ vi?

Rilate personajn nomojn, ni notu ke ĉi-numere multaj el ili staras en "maleŭropa" (ĉina, japana, korea, vjetnama...) sinsekvo. En tiaj kazoj ni majuskligis la familian nomon.

*La kongresaj fotoj:* Dankon pro ili al F. Berthelot, E. Tantin Ackermann, Reza kaj la kongresa fotoservo.


## esperanto

Oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio

(en konsultaj rilatoj kun UN kaj Unesko)

**Aperas** monate (escepte de aŭgusto).

**Fondita** en 1905 de M. P. Berthelot (1882-1910). **Establita** kiel organo de UEA en 1908 de Hector Hodler (1887-1920). **Legata** en 115 landoj. **Voĉlegata** por blinduloj.

**Redaktoro:** István Ertl.

**Abonprezo:** varias laŭlande (gld. 58,30; US$ 32; GM 51; enoj 4320; ktp); petu informojn ĉe via landa asocio aŭ de la ĉi-suba adreso. Unuopa ekzemplero kostas 5,50 guldenojn.

**Anonctarifo** (gld.): 1 p. 1900, 1/2 p. 1050, 1/4 p. 575, 1/8 p. 310, 1/16 p. 175. Movada rabato 50%. Eksterakovrilaj anoncoj kostas duoble. Rabato por tuja ripeto 20%.

**Adreso de la Centra Oficejo de UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

**Telefono:** (010) 436 10 44; 436 15 39.

**Telefakso:** (010) 436 17 51.

**Telegramoj:** ESPERANTO ROTTERDAM.

**Banko:** Bank MeesPierson, Postbus 749, 3000 AS Rotterdam (konto n-ro 25.52.89.804). Nederlanda poŝta ĝirkonto: 37 89 64 (ĝiroficejo Den Haag).

**Ĝenerala Direktoro:** Simo Milojević.

**Direktoro de la CO:** Osmo Buller.



## Estraro de UEA

**Prezidanto** (kunordigado, reprezentado): prof. d-ro John C. Wells, 5 Poplar Road, London, Britio SW19 3JR; tel. +44/(0)81/542-03-02; fakso 715-40-10.

**Vicprezidanto** (landa kaj regiona agado): d-ro Ulrich Lins, Gemarkenstr. 150, DE-51069 Köln, Germanio; tel. +49/(0)221/680-32-50.

**Ĝenerala Sekretario** (informado, eksteraj rilatoj, CED): s-ro Mark T. Fettes, 695-B King Edward Avenue, Ottawa, Ontario, Kanado K1N 7N9; tel. +1/613/565-92-82; fakso 565-92-79.

**Estrarano** (financo): s-ro Hans Bakker, Kastelenstr. 231-II, NL-1082 EG Amsterdam, Nederlando; tel. +31/(0)20/642-18-53.

**Estrarano** (azia agado): prof. d-ro So Gilsu, Yangchon PO Kesto 11, Seoul — 158-600, Korea Respubliko; tel. kaj fakso +82/(0)2/646-54-13.

**Estrarano** (kulturo, kongresoj): s-ino Michela Lipari, Viale Giulio Cesare 223, IT-00192 Roma, Italio; tel. +39/(0)6/39-72-61-98; fakso 39-72-61-69.

**Observanto** (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj [ILEI]): s-ino Marija Belošević, Sveti duh 130, Ćrnomorec, HR-41000 Zagreb, Kroatio; tel. +385/(0)41/576-092; fakso 428-847.

**Observanto** (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo [TEJO]): s-ro Danny ten Haaf, Witte de Withlaan 11, NL-2341 SP Oegstgeest, Nederlando; tel. +31/(0)71/154-143.




*79-a Universala Kongreso, Seulo, 23-30 julio 1994:*

# Kongreso pruvas sian nomon

Io *universala* koncernas, laŭ Plena Ilustrita Vortaro, "sendistinge la tutaĵon de la homoj sur la tero". Restas demando kiam la ĉiujaraj kongresoj de UEA sukcesos konformi al tiu difino; tamen, la Seula Universala Kongreso, kun siaj 1776 aliĝintoj el 66 landoj, paŝis grandan paŝon direkte al tiu idealo. Jam okazis, en Tokio (1965), ke plimulto de la UK-partoprenantoj estis azia — tamen, tiam temis preskaŭ ekskluzive pri anoj de la gastiganta nacio. En Seulo "la aziaj du trionoj" konsistis el tre multaj koreoj kaj eĉ pli da japanoj, malpli da ĉinoj (bedaŭrinde plejparto de ili ne ricevis vizon), pluraj nepalanoj, kelkaj vjetnamoj, bharatanoj, irananoj, mongolo, kaj aliaj. Centoj kaj centoj unuafoje spertis la sorĉe unikan etoson de tutmonda, supernacia kunestado.

Tiu azi-polusa universaleco trafe pruvis ke ni ne estas "ĉefe eŭropa kolegaro kun unu-du simbolaj krommembroj", laŭ la vortumo de Probal Daŝgupto, kunordiginto de la kongresa temo. Helpe de kompetentaj (aziaj) diskutestroj, li tiel sukcese engaĝis interesitan publikon en la pritemajn aranĝojn ke la konciza vortumo "Azio en la mondo" superpleniĝis per riĉa enhavo. Se ni daŭre kapablos enscenigi la kongresan temon same aktivige kaj fari ĝin akso de la tuta semajno, el tio profitos kaj nia ekstera prestiĝo kaj la ideo-nivelo en Esperantujo. La temo difinita por la Tamperea UK ("'Ni la popoloj' — unu mondo aŭ disaj eroj"), ligita al la 50-a datreveno de UN, donos venontjare bonan okazon por tio.

Kerna nocio de la kongrestemaj debatoj estis azia *hierarkieco*. Ĉu estas erare supozi ke la labordisciplino kutima en hierarkiecaj socioj rolis inter la kaŭzoj de la brila organizado kiu karakterizis la Seulan UK-on? Kiu ja atendus tiel majstre orkestritan kongreson en lando kie okulfrapas la junulara freŝeco de movado kiu, malgraŭ pli ol sepdekjara ekzisto, nur lastatempe ekludis atentindan rolon sur la monda Esperanta scenejo? Sed ĉi-foje la Zamenhofa proverbo "juneco ne scias, maljuneco ne povas" tute malpravis. Senrigarde al aĝo, LKK kaj ĝia multnombra helpantaro sciis kaj povis: ilia akurata, afabla kaj efika laborado demonstris la kapablojn de nuntempa Koreio.

Faciligis ilian taskon la kongresejo mem, la hotelo Sheraton Walker Hill, kie la servoj montriĝis eĉ pli altklasaj ol la prezoj. Ŝajne bagatela agrablaĵo kiel la ĉiama freŝa akvo por soifaj kongresanoj ekzemplas kiel la hotelo preterdeve komplezis al ni. Kaj komplezis multaj koreaj altranguloj, aŭtoritatoj kaj firmaoj, al kiuj ni povas danki ne nur tiajn aprezindajn manifestiĝojn de bonvolo kiel salutmesaĝoj kaj gravulaj ĉeestoj, sed ankaŭ konkretaĵojn sperteblajn por ĉiu kongresano: la profesiajn artspektaklojn, la praktikan gvidlibron pri Koreio, aŭ la ĉarman dorsosaketon kun ĝia riĉa enhavo.

Sed, finfine, ni meritis tion: laŭ la informoj, en la turisma jaro "Vizitu Koreion '94", nia Universala Kongreso estis ĝis nun unu el la plej amasaj eventoj — kaj certe la plej internacia. ★

*Solena Inaŭguro:*

# Atesto pri la vivanteco de Esperanto

Plenan sepdekon el niaj 79 Universalaj Kongresoj gastigis la kontinento kie Esperanto ekvidis la lumon. Sed nia lingvo atingis sian plenkreskecon ja tutmonde, kaj tial — precipe ekde la 80-aj jaroj — ne plu estas eŭropa privilegio aranĝi UK-ojn. "Plejparto de la partoprenantoj ja estas azianoj" konstatis prezidanto John Wells malfermante la kongreson en la monduma salono Zamenhof.

La ideo inviti UK-on al Seulo ekzistis jam 13 jarojn. Tion malkaŝis en sia bonveniga saluto HAN Moo-hyup, prezidanto de Korea E-Asocio kaj de la Loka Kongresa Komitato.

Dum tiuj 13 jaroj, laŭ lia diro, "la kondiĉoj maturiĝis". Jes, eĉ tiagrade ke nia kongreso ricevis seriozan atenton ĉe eminentuloj. Pluraj anoj de la Honora Komitato partoprenis la inaŭguron kiel podianoj: KANG Young-hoon, prezidanto de Korea Nacia Ruĝa Kruco kaj eksa ĉefministro; parlamentano LEE Hwaney; prof. CHANG Choong-sik, eksrektoro de Universitato Dankook kaj Honora Patrono de UEA; LI Hajpin, vortaristo, Honora Membro. (La aliaj podianoj estis HAN Moo-hyup; prof. LEE Chong-yeong, LKK-vicprezidanto; Probal Daŝgupto, kunordiganto de la kongresa temo; la UEA-estraranoj John Wells, Michela Lipari, Ulrich Lins, Mark Fettes kaj SO Gilsu; ĝenerala direktoro Simo Milojević; kaj Edlyn Teske, vicprezidanto de TEJO.)

En siaj salutvortoj KANG Young-hoon rememorigis ke ni troviĝas en duoninsulo dividita, kaj taksis grandsignifa la fakton ke venis tiel multaj esperantistoj malgraŭ "la minaco de la ekspluatado de nukleaj armiloj fare de Norda Koreio". La Alta Protektanto, HWANG Nakjoo, prezidanto de la nacia asembleo, sendis bondezirojn telegrame, same kiel parlamentano KIM Chong-hoh, membro de la Honora Komitato.

Post muzika paŭzo — Inge Lulofs pianludis "Gnossienne n-ro 1" de Eric Satie — la unua sekretario ĉe la ambasado de Finnlando, Anneli Vuorinen, ne nur invitis nin al la venontjara UK en sia lando, sed formulis lingvopolitikan proponon inspiritan de ŝiaj laborspertoj ĉe Unuiĝintaj Nacioj: en internaciaj forumoj neniu rajtu paroli en la propra lingvo.

Ĉeestis ankaŭ ambasadoroj Thomas Harris de Britio kaj Walter Fetscherin de Svislando; Nederlandon reprezentis dua ambasada sekretario, kaj Jugoslavion aferŝarĝito.

La tradiciiĝantan salutmesaĝon de Louis C. Zaleski-Zamenhof, nepo de L.L. Zamenhof, legu sur la sekva paĝo. Mark Fettes kaj Simo Milojević laŭtlegis el leteroj de UEA-prezidintoj Humphrey Tonkin kaj Grégoire Maertens, Honora Patrono CHEN Yuan, esperantistoj el Tanzanio, Makedonio, Zimbabvo kaj Togolando, la partoprenintoj de la 60-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj kaj, fine, mesaĝon el Sarajevo (vd. en la kadro).



*Parolas la prezidanto de la Honora Komitato, d-ro KANG Young-Hoon.*

Ĉi-jare oni povis aplaŭdi nur al du novaj Honoraj Membroj: la movadaj ĵurnalistoj Ada Fighiera-Sikorska kaj Raymond Gonin (kies biografion ni aperigos en oktobro). Restis des pli da aplaŭdo por anonima japana sinjoro, kiu decidis disponigi 500 mil enojn (ĉ. 8500 gld.) jare por subteni projektojn, organizaĵojn aŭ aktivulojn el neindustriaj landoj. Tiun Subvencion Cigno aljuĝas ĉiujare la Estraro de UEA, kiu je la unua fojo atribuis ĝin al la Tria Afrika Kongreso (vd. p. 158).

Enkondukante la kongresan temon "Azio en la mondo", Probal Daŝgupto citis Mahatmon Gandhi: "oni devas ĉiam diri la veron, eĉ se ĝi malplaĉas; tamen, maturaj homoj kapablas paroli la verojn tiamaniere ke ili ne vundu". Per tio li aludis ke la diskutontoj spertos malfacilojn en sia serĉado de komune akcepteblaj veroj pri Azio, kie komplike interefikas hierarkieco, moderno, progreso, ekonomia sukceso.

Kvinteto ludis tradician korean muzikpecon. Tiu kortega muzikaĵo sonis malvigle, male al la sekva programero, la saluto de landaj reprezentantoj. Inter ili aperis tro maloftaj gastoj: reprezentantoj de Mongolio kaj Kamboĝo.

Fine, antaŭ la solenoferma himno, John Wells instigis al plene esperantista uzo de la semajno: "Ni kongresas ankaŭ por atesti pri la vivanteco de Esperanto. Kuraĝu do uzi la lingvon! Ne hezitu interamikiĝi!" ★

## Salutmesaĝo el Sarajevo

Estimataj kongresanoj,

El Bosnio kaj Hercegovino, kiu jam la trian jaron sangas en milito, ni sendas niajn salutojn kaj bondezirojn al via Kongreso.

Malgraŭ la senskrupula agreso, komunika blokado, kaj hipokriteco de internaciaj organizaĵoj, la rezisto de Bosnio — kaj de ĝia simbolo Sarajevo — daŭras. Nia voĉo tra la mondo aŭdiĝas ĉiam pli forte, nun ankaŭ en Esperanto: ekde la 4-a de aŭgusto 1994 Radio Bosnio kaj Hercegovino komencos elsendi eksperimentan programon sub la titolo "Esperanto el Sarajevo", ĵaŭde de 00h15 ĝis 00h25 laŭ la loka tempo [t.e. merkrede de 22h15 ĝis 22h25 laŭ Universala Tempo. *-Red.*], je la ondolongoj de 43m (6980 kHz) kaj 490m (612 kHz).

Estu en kontakto kun ni pere de la radioondoj. Havu pacan Kongreson!

**Esperanto-Ligo de Bosnio kaj Hercegovino**

*Kongresa Temo:*

# Rikolti Azion: Ses logikoj

Estas logike komenci ĉe prof. d-ro SO Gilsu, la UEA-estrarano kiu lanĉis "Azio en la mondo" kiel temon de la UK en Seulo. Liaj intervenoj kaj prezentoj emfazis la bezonon uzi konkrete aziajn laborilojn en la diskutado por akiri validan rezulton. Pli specife, li proponis al la kongresanoj rapidkurson pri la komune orientaziaj pensiloj *jano* kaj *jino*. Tiuj du formoj de *gio* (energio) priskribeblas kiel la ekspansia-ekstera-analiza kaj la kontraha-ena-integra, dialoge pulsantaj. D-ro So tezas ke la pli jana okcidento venkis la pli jinan orienton kaj kreis tro janan modernon, kies ekscesoj ekzemple minacas la vivmedion. Laŭ li, la jina principo, frue evoluinta en Azio, sed ne plu trovebla tie en grandaj kvantoj, devas revenigi la mondon al *gia* ekvilibro.

Tute alian vidpunkton prezentis YAMASAKI Seikô, ĉefdirektoro de Japana E-Instituto. Laŭ li, nur la racio rajtas kaj kapablas disvastiĝi, kaj nur Eŭropo naskis la racian universalismon. Laŭ Yamasaki, eĉ la ekonomia miraklo en Japanio, kiun fremdaj observantoj ofte analizis kiel bazitan sur aziaj tradicieroj kiel la familieca strukturo de la japana socio, devas esti komprenata kiel rezulto de la racia integreco en Japanio de la kompaniaj estroj kaj laborantoj kiel ekonomia agadunuo antaŭ la eksteraj akciposedantoj. Tiun racian strukturon Yamasaki komparas kun la malpli racia okcidenta aranĝo, kie la estroj kaj la akcihavantoj formas esencan monhavan blokon kontraŭ la kontingentaj "eksteraj" dungitoj. Kompreneble la malpli racia aranĝo ne brile sukcesas. Ne temas pri azieco aŭ familiismo en la japana sukceso. Nek en aliaj elementoj de la azia vivo kiuj meritas mondan atenton.

D-ro GOTOO Hitosi, la plej aktiva lingvisto en la japana E-movado, konsentas ke estas universalisma ĝuste Eŭropo. Li atentigas ke Azio do estas teritorio de emfazaj diversecoj longe konservitaj. Sekve, eĉ teme de la diverseco oni ne rajtas ĝeneraligi pri ĉi tiu kontinento, kiu evidente rezistas la ĝeneralismon. Estas ne unu sed pluraj Azioj; temas pri pluraj kulturaj mondoj kaj pri plurismo en ĉiu regiono. Gotoo prezentis multajn faktojn por montri ĉi tion.

## Azia idealemo

S-ino DOJ Ĉieko, kiu redaktas la UEA-bultenon *Esperanto en Azio*, preferas rikolti siajn faktojn per rekta demandado al movadanoj, ekzemple dum la traktado de la kongresa temo en la UK. Sed tiun procedon parte motivas la subtemo pri kiu okupiĝis ŝia grupo — "aziaj esperantejoj". Ŝi ja volas ĝeneraligi ke eŭropanoj lernas Esperanton pro praktikaj kialoj, dum azianoj lernas idealeme, ĉar ili devas kontentiĝi pensante pri tia praktikado, pro la malofteco de okazoj por ĝi en Azio. Sed, pli detale, Azio estas por ŝi konkretaj landoj, kies interkomprenon kaj interhelpon oni devas pli kaj pli rekte organizi, ne ĉiam agante pere de "mondaj" sistemoj kiel UEA.

Probal Daŝgupto, kunordiganto de la programo pri la kongresa temo, planis ĉefe ligi al sia propra subtemo "hierarkiaj socioj" la gravegan subtemon de Doj, pere de la malfaciloj kiujn la azia hierarkieco estigas por la disvastigo de nia lingvo en aziaj landoj. Li esperis ke la vigla diskutado spontane tion ligos al la aliaj subtemoj klarigontaj la hierarkiecon de Azio — "multaj kulturaj mondoj" ĉe Gotoo (ĉu unu hierarkia Azio aŭ pluraj Azioj?), "historiaj perspektivoj" ĉe So (kiel profundajn radikojn

*(daŭrigo sur p. 144)*

# Saluto de d-ro L. C. Zaleski-Zamenhof

Saluton kaj omaĝon al vi, alvenintaj tien de sesdek kvin landoj de la Terglobo, por debati, pere de via komuna lingvo de amikeco, pri la rolo de Azio en nia Mondo, pri la rolo de azianoj en la granda rondo familia de popoloj, al kiu ni ĉiuj strebas.

Ĉirkaŭ dek jarojn pli frue, okazis al mi viziti vian belan urbon, tiam kongresante pri ŝipkonstruado. Kvankam laŭaspekte la temoj de ambaŭ kongresoj povas ŝajni tute malsimilaj, tamen ni ne forgesu ke dum la pasintaj miljaroj ĝuste la ŝipoj estis ja la ĉefa ilo de kontakto inter popoloj malproksimaj . . . Vizitante la imponajn ŝipkonstruejojn en suda Koreio, transirante la landon de Pusan ĝis Seulo, mi konatiĝis kaj amikiĝis kun multaj homoj en konstruejoj kaj oficejoj, lernis admiri ilian malfermemon, ilian laboremon kaj ilian ambicion de progreso.

Sed mi povis ankaŭ konstati ke tra la lando forte staras ankoraŭ muro de . . . dekjaroj, kaj ke la Zamenhofaj alvokvortoj "ni inter popoloj la murojn detruos" havas tie tre specifan sencon, ĉar la tiea muro disigas ne popolojn malsimilajn, sed membrojn de la sama popolo, de la samaj familioj: Li-ojn kaj Kim-ojn daŭre loĝantajn ambaŭflanke de la 38-a paralelo. Ni tial esperu ke, same kiel ekkrakis antaŭ kelkaj jaroj la muroj inter la germanoj, dissaltos ankaŭ la obstinaj baroj inter koreoj. Ni esperu ke, ankaŭ en tiu lando, la diversaj pensmanieroj povos esti pace komparataj por plua evoluo, por la komuna bono kaj progreso.

Ni neniam forgesu ke en Azio naskiĝis kaj evoluis la plej elstaraj filozofioj, tiel laikaj kiel religiaj. Ni ne forgesu ke tiu kontinento donis al la mondo Budhon kaj Konfuceon, Moseon, Kriston kaj Mahometon.

"Neniam malamos ni homajn gefratojn . . ." Tiujn noblajn vortojn ni legas en la Fundamenta Preĝo de la japana religia movado Oomoto, verkita antaŭ preskaŭ cent jaroj, sur tiu kontinento, de Onisaburo Deguĉi, cetere en la sama jaro kiam Zamenhof pledis antaŭ la 1-a Kongreso de Esperanto en Bulonjo-sur-Maro ke ". . . Kristanoj, hebreoj aŭ mahometanoj / Ni ĉiuj de Di' estas filoj."

La amo, la frateco, la toleremo daŭre estu alvokvortoj anoncataj al la mondo el la azia kontinento. Mi estas konvinkita ke la azianoj daŭre formos ĉefgrupon por obstine realigadi tiujn ideojn, tra la mond' ne plu eterne militonta. ★

(daŭrigo de p. 143)

havas la aziaj hierarkioj?) kaj "ekonomiaj perspektivoj" ĉe Yamasaki (ĉu la hierarkiaj tradicioj helpis aŭ malhelpis la evoluon?). Tamen, en lia propra grupo la ĝenerala diskuto baldaŭ transiris al la forteco de gravulemo kaj hierarkieco en Esperantaj societoj sur ĉiuj kontinentoj, ĉe "tiuj kiuj vespermanĝas kun siaj amikoj kaj sendas al *Heroldo* raporton pri kunveno de la tuturba ĉefestraro" (en la satiraj vortoj de Ĝanfranko Molle). Oni konstatis ke tiaj ecoj relative oftas inter tiuj homoj kiuj pro frustriĝo en la ekstera vivo pasie eniras la movadon kaj pro similaj kialoj insiste okupadas funkciojn en ĝi.

Oni poste venis tamen al Azio kaj konstatis ke nia movado tie rolas kiel kontraŭhierarkia kaj do avangarda elemento en la socioj. Se la hierarkiecoj vartas la koleron, la agresemon kaj militojn, tio ĉi do diras klare ke nia agado estas ne nur "moderniga", sed pli specife forte porpaca faktoro.

Kvankam la kunordigaj provoj de Daŝgupto ne produktis kongresan temrezolucion kiu spegulus ĉion priparolitan — ĉar restis neakordigeblaj la neŭtrale universalisma poluso de Yamasaki kaj la regionismo de So —, tamen ja aperis el la partoprenantaro la bonvena figuro de aŭtoro longe admirata de Daŝgupto, la brazila franco Gilbert Ledon. Lia universalisma logika kritiko de la mone bazitaj eŭropaj ideologioj kaj de la orientaj mistikismoj tranĉis ĉies vidpunktajn panojn en digesteblajn sandviĉojn, okazigante diskutojn pli interesokaptajn ol la devige unuece aspektanta kongrestema rezolucio (vd. supre).

Kiam oni "semas kaj semas, neniam laciĝas, pri l' tempoj estontaj pensante", tio estas frutempa idealisma monologiko. Sed, proksimume kiel DOJ Ĉieko notis, poste aperas malsamaj praktikaj dialogikoj, kiam la homoj rikoltas la konversaciojn elfluintajn el tia idealemo. Longe ni ekzercis nian povon neŭtrale, universale konversacii. Se hodiaŭ ni rikoltas, estas do neevitebla ke ni tion faras specife kaj plurlogike. Ni ĉesu timi ke tio estus neneŭtrala!

**Probal Daŝgupto (Bharato)**

## Rezolucio pri la kongresa temo

La 79-a Universala Kongreso de Esperanto, diskutinte la temon "Azio en la mondo" inter la 23-a kaj la 30-a de julio 1994 en Seulo, Korea Respubliko,

**en la kunteksto de** la kreskanta graveco de la landoj aziaj kiel agantoj sur la monda podio,

**en tempo** kiam aperas pozitivaj membildoj ĉe la azianoj mem kaj akceptemaj bildoj pri ili ĉe alikontinentaj perceptantoj,

**fronte al** la praktikaj demandoj kaj bezonoj de plivastiĝanta reto de Esperanta agado en aziaj landoj sen longa movada tradicio,

**kun atento al** la neceso ke oni bazu la traktadon de movadaj demandoj sur pli ĝenerala kaj fidinda kompreno pri la ŝanĝiĝanta nuno kaj nove konceptata pasinteco de la azia regiono kiel tuto,

**notas kun kontento** la atingojn de la orientaziaj Esperanto-movadoj;

**rimarkas** la familiecan socian strukturon sur kiu baziĝis la lastatempa ekonomia sukceso de pluraj aziaj landoj, kaj la parencecon inter tiu stilo kaj nia pledado por la uzo de neŭtrala lingvo en la granda homa familio;

**konstatas kun ĝojo** la kreskantan emon de la aziaj socioj rekte, interkontakte ekkoni unu la alian ekster la truda kaj ofte erariga perado de la okcidentaj amaskomunikiloj;

**emfazas** ke malgraŭ la finiĝo de la koloniismo persistas la hegemonio de la ekskoloniaj lingvoj kaj kulturaj fonoj, kaj ke la lukto por pli ekvilibra prezento en la lernolibroj de ĉiuj landoj de la aziaj kontribuoj al la monda racio kaj kulturo estas natura aliancano de nia strebado al racia lingva ordo ebliganta senperajn, egalajn kontaktojn inter la homoj;

kaj **gratulas** tiujn aziajn esperantistojn kiuj avangarde rolas en ĉi tiu regiona solidariĝado, kaj dankas al tiuj neazianoj kiuj solidare helpas en ĉi tiu klopodo.

*Komitato:*

## Ĉu oni forgesis tion kio plej gravas?

Antaŭ ĉiu ekstereŭropa UK oni timas ke la Komitato de UEA ne povos kunsidi kun kvorumo. Ja preskaŭ tri kvaronoj el la komitatanoj estas eŭropanoj. Ĉiufoje la timo tamen montriĝas nenecesa. Ankaŭ en Seulo klare pli ol la duono de niaj parlamentanoj, 52 el 83, partoprenis la traktadojn.

La plej ekscita ero de la tagordo sendube estis la elekto de nova ĝenerala sekretario, necesa pro la demisio de Ian Jackson en marto. La Komisiono pri Elektoj (W. Harmon, T. Huzimoto, R. Corsetti), kiun la Komitato nomis pasintjare por prepari la elekton de nova Estraro en 1995, devis cerbumi kiel ripari la nunan Estraron. En Seulo ĉeestis nur Huzimoto, kiu prezentis la proponon de la triopo elekti Michela Lipari al tiu posteno kaj Zlatko Tišljar kiel novan estraranon kun la nunaj fakoj de Lipari (kongresoj kaj kulturo).

En neformala kunsido, sen ĉeesto de la estraranoj, kelkaj komitatanoj subtenis tiun proponon, sed pli multis la malkonsentantoj. Superregis la opinio ke alelekto de nova estrarano por nur unu jaro estas nenecesa aŭ eĉ sensenca. Aperis alia kandidato, la estrarano Mark Fettes. Tiu kunsido ne voĉdonis, sed el ĝiaj diskutoj Huzimoto konkludis ke pro la malprefero de la plimulto alelekti novan estraranon restas nur decidi ĉu Lipari aŭ Fettes estu ĝenerala sekretario.

La Estraro kunsidis kaj decidis proponi al la Komitato la elekton de Fettes. Sekve de tio, Lipari anoncis al la Komitato ke ŝi ne plu estas disponebla kiel kandidato. Fettes pretis akcepti la sekretariecon, aldone al siaj jamaj fakoj informado kaj eksteraj rilatoj. Li atentigis tamen ke li devus prioritatigi ĉi tiujn, ĉar li jam iniciatis gravajn, tempopostulajn projektojn sur siaj kampoj; sekve li povus plenumi nur la plej urĝajn taskojn de sekretario. Kun tiu kompreno la Komitato voĉdonis, kaj Fettes elektiĝis per 33 voĉoj kontraŭ 6, kun 7 sindetenoj.

Diversaj regularoj laborigis la Ko-

*Tago de la Paco:*

# Kiel afabli tutmonde?

Enkonduke Mark Fettes diris ke oni atendas de Azio pli kaj pli grandan influon al la direkto en kiu disvolviĝos la pacmekanismoj kreitaj de neazianoj post la dua mondmilito.

Surbaze de multjaraj spertoj kiel ambasadoro, Ralph Harry traktis la ses kampojn difinitajn en la Ĉarto de UN kiel tiujn sur kiuj baziĝas la mondpaco. Temas pri la sendependigado de koloniitaj popoloj, reunuigado de dividitaj popoloj, alĝustigado de landlimoj, stimulado de ekonomioj, malarmiĝado, kaj plifortigado de la rajtoj de individuoj.

CHUNG Hwan Gun, aŭtoro de la libro *Nova Mondo*, per kiu li malavare provizis ĉiun UK-anon, skizis sian "Azian vojon al la paco".

HAYASI Kazuo, japana advokato, parolis pri la kompensado al alilandanoj mistraktitaj de Japanio dum la dua mondmilito.


*Koreinoj kaj pakistanano interafablas tutmondece.*

La diskuto post la prelegoj koncentriĝis precipe al la japana temo, kaj al eventualaj ŝanĝoj de UN.

Aŭspiciite de la organizo Monda Kunagado kaj sub la gvido de Normand Fleury, la laborgrupo "Kiel afabli tutmonde?" diskutis pri la kutimoj en diversaj kulturoj dum gastado ĉe privata domo. Kvankam la kunveno daŭris tri horojn, eblis diskuti nur pri 15 landoj. La ofte surprizaj kontribuoj de la ĉeestantoj multe helpis riĉigi la enhavon de la bazaj tekstetoj disdonitaj pri ĉiu lando.

Eventuale, Monda Kunagado publikigos libreton pri la temo. Se vi volas kontribui pri via lando, skribu al Normand Fleury (6358 rue de Bordeaux, Montréal, QC, Kanado H2G 2R8).

**Laŭ raportoj de Fabienne Berthelot (Nederlando) kaj Philip Pierce (Nepalo)**

---

mitaton, spite al la kritikoj ke ĝi foruzas tro da tempo por tiaj formalaĵoj. Estas vere ke diskutoj pri regularoj subfosas la interesecon de komitatkunsidoj por ekstera publiko (ili ja estas malfermitaj al ĉiu), sed demokratio ja baziĝas sur tedaj dokumentoj. Post kvarjara provado kaj polurado, fine akceptiĝis la Komitata Regularo, t.e. la reguloj laŭ kiuj la Komitato mem funkcias. Propono ellaborita de Ian Jackson (komisiito pri regularoj) por nova Regularo pri Delegitoj estis transdonita por trastudo al la kongresa kunsido pri la Delegita Reto. Ĉar tie oni ne konsentis pri kelkaj detaloj, la Komitato decidis retrakti la temon en Tampereo.

En Valencio la Komitato malakceptis proponon de la Estraro, ke la komitatanoj perdu sian rajton je senpaga UK-aliĝo. La kompromiso prezentita en Seulo antaŭvidis ke la komitatanoj pagu duonon de la kotizo. Tio akceptiĝis, kun nur 5 kontraŭaj voĉoj. La estraranoj, por kiuj la kongreso ĉiam signifas plentempan laboron, plu aliĝos senpage.

La UEA-strukturo ĉi-jare riĉiĝas rilate fakajn asociojn. Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo, jam en kunlaboraj rilatoj kun UEA, fariĝis aliĝinta faka asocio, la naŭa en tiu kategorio. La Komitato akceptis kunlaboran kontrakton kun Asocio de Verduloj Esperantistaj kaj kun Eŭropa Klubo, kio kreskigis la nombron de kunlaborantaj asocioj al 34. Ŝajnas do ke sur la kampo de fakaj asocioj ne regas tia anemio kiel oni ofte emas aserti. Tiom pli pravigebla estas la postulo, por kiu plej forte pledas fervojistoj, ke denove estu respondeculo pri faka agado en la Estraro de UEA.

### Financoj eksprese

Kutime grandan parton de la kunsidotempo konsumas la financaj demandoj de la Asocio, sed en Seulo la financa rezulto de 1993 kaj la buĝeto por 1995 ne elvokis multan diskuton. Parte tio sekvis el la neĉeesto de plûraj fakulaj komitatanoj kaj eĉ de la estrarano pri financo. Tamen, temis ankaŭ pri tio ke la Estraro sukcesis sekvi la gvidliniojn pri financa plisanigo kiujn la Komitato starigis en Valencio.

Ne mankis komentoj al diversaj ĉapitroj de la Estrara Raporto pri 1993. Tamen, estas strange, eĉ nepardoneble, ke la Komitato lasis sen ajna komento tiun ĉapitron kiu dokumentas la malkreskon de la membraro. Tio ne estas temo nur por la kunsido de ĉefdelegitoj kaj perantoj, kiel okazis en Seulo. Kiu maltrankviliĝu pri perdo de mil individuaj membroj, se ne la Komitato? Kiu plu ĝenu sin pri membrovarbado, se eĉ la Komitato indiferentas? Ĉu oni forgesis tion kio plej gravas?

En Seulo oni ne multe diskutis pri strategio, kontraste al la verva debato en Valencio. La temo tamen plu aktualas. Kiel konkludis Mark Fettes, la ĉefa stiranto de la strategia diskuto, necesas nun transiri de ĝeneralaj principoj al ilia konkretigo en la agado de UEA. Restas vidi kiom da tempo por tio oni havos en la Tamperea UK, kie la ĉefan atenton akaparos la elekto de nova Estraro. Kiel ajn, tiu diskuto plej probable daŭros eĉ en la UK-oj de 1996 kaj 1997, kies okazigon respektive en Prago kaj Adelajdo la Estraro definitivigis.

**Osmo Buller**

*Tago de la Libro:*

# De sorĉistino al elevatoro

La strikta kadro 60-minuta kiun la horaro difinis por "Libroj de la jaro", ne ebligis ian elĉerpan revuadon pri la rikolto de 1993-94, sed sufiĉis por ke HUZIMOTO Tatuo reĝisoru intensan reflektoradon al dekduo da novaj, novegaj kaj brule novaj verkoj en Esperanto. Plejparte aziaj eldonistoj alportis aziajn verkojn al plejparte azia publiko: Esperanto ne estas ekskluzive eŭropa kulturvaro.

Eŭropon reprezentis nur Dieter Kleemann kun la bele ilustrita, porinfana *La malgranda sorĉistino* de Ottfried Preussler, kiun "Esperanto-amikoj Durmersheim-Rastatt" (Germanio) eldonis kunlabore kun Interkulturo (Slovenio), okaze de la Internacia Jaro de Familio, kiel unuan eron en la serio Familiaj Libroj.

El Ĉinio venis ZOU Guoxiang, redaktoro de Ĉina Esperanto-Eldonejo, kiu fiere raportis ke en la lastaj dek jaroj la ŝtate subvenciita ĈEE aperigis pli ol cent E-titolojn en centmilo da ekzempleroj. (Per tio ĝi nepre ĉampionas inter la plejparte malfortaj aŭ/kaj efemeraj E-eldonistoj.) Sed nun, kiam la ŝtata helpo malkreskas, ĈEE bezonas vastigi sian oferton per libroj en aliaj fremdaj lingvoj kaj en la ĉina. Malgraŭ tio ĝi ne forgesas esperantistojn, kiuj nun povas aĉeti la plej freŝajn *Ĉina ceramiko* kaj *Enciklopedieto de Ĉinio*.

El la du eldonejoj kiuj plej aktivas en la najbara Rusio — la Jekaterinburga Sezonoj kaj Impeto el Moskvo (vd. ankaŭ p. 151) —, al Seulo venis la impetanoj. Ges-roj Ŝevĉenko rakontis ke pro la prezaltiĝado en Rusio nun malkreskas la diferenco inter rusaj kaj "okcidentaj" libroprezoj, sekve la enlanda merkato fariĝas por ili pli grava ol antaŭe. En 1993 Impeto lanĉis en po 1000 ekzempleroj la romanon *Oni ne pafas en Jamburg* de Mikaelo Bronŝtejn (vd. majo, p. 94) kaj la historie valoran *Rememoroj de centprocenta esperantisto* de Aleksandr Saĥarov. (Ambaŭ jam haveblas ĉe UEA.)



*HUZIMOTO Tatuo, kunordiganto de la Fraŭlinon Barlaston kaj (dekstre) ŝian*

SAKAMOTO Syôzi el Japanio rekomendis novan tradukon de KONISI Gaku ("la plej elstara japana esperantisto"): *Nokto de la galaksia fervojo*. Ĝia iom esperantista aŭtoro, MIYAZAWA Kenzi (1896-1933), estas jam konebla per sia fabelaro *Gooŝ la ĉelisto*, kiun eldonis en 1991 — same kiel la nunan libron — Japana Esperanta Librokooperativo en Osako.

Alia fama japana marko estas Libroteko Tokio, kiun SYÔZI Keiko lanĉis en 1983. Ĝia dekjariĝo donis al ŝi la ideon inviti dek konatajn japanajn movadanojn kontribui al *Japana esearo*, eleganta volumeto ĵus forlasinta la presejon.

La furora internacia lernolibro *Hanako lernas Esperanton* vendiĝis en kvincento da ekzempleroj ene de unu jaro. La aŭtorino DOJ Ĉieko rakontis pri ĝia naskiĝo. La Jokohama E-Rondo longe uzis por instruado la ilustritan kajerserion *Esperanto laŭ naturmetodo* (1963) de Lorenz Friis. Tamen, post certa tempo la eldoninto ne povis liveri novan kvanton de la ĉiukaze malnoviĝinta libro, kaj Doj inspiriĝis per ties ideoj por verki pli modernan lernilon.

La korea lingvisto kaj LKK-ano BAK Giŭan, aktiva en plej diversaj programeroj de la kongreso, prezentiĝis ankaŭ kiel tradukinto kaj tradukito. Siaflanke li esperantigis 22 poemojn de juna korea poetino sub la titolo *Elevatora Seulo*, dum KIM U Son esperantigis *Gramatiko de*

## Voĉoj el la libroservo

*La naŭjara Dima Ŝevĉenko transprenis iom el la ĵurnalistaj ŝarĝoj de via redaktoro. Jen fragmentoj el la intervjuoj kiujn li faris kun klientoj de la kongresa libroservo.*

*Kiujn librojn vi plej ŝatas?*

**Povilas Jegorovas (Litovio):** La Jarlibron de UEA, ĉar tiun mi plej ofte uzas.

**KIM Sihon (Koreio):** Romanojn kaj lernolibrojn. Tamen mi ĵus aĉetis *Hamleto* en la traduko de Zamenhof.

**Probal Daŝgupto (Bharato):** Mi ŝatas novelojn kaj romanojn, iom malpli poezion.

*Ĉu vi ion aĉetis?*

Bildlibrojn por mia kvarjara filo: *La ŝalmisto de Hamelin*, la aliajn titolojn mi ne memoras.

*Ĉu via filo ŝatas librojn?*

Jes, ĉar li vidas ilin ĉiam en la domo. Kaj li vidas kiel liaj gepatroj senĉese skribas, do ankaŭ li prenas plumon kaj faras diversajn makulojn kaj strekojn. Mi tre ĝojas pri tio. Mi donas al li malnovajn Jarlibrojn de UEA por ludi, do li pensas pri onklo Zamenhof kaj onklo Hodler ...

*Eble li estos eldonisto ...*

Certe li tre longe ŝatos librojn, krom se li komencos malŝati siajn gepatrojn ... ankaŭ tio okazas. Ĉu vi ŝatis librojn kiam vi estis kvarjara?

*Jes, sed mi ankoraŭ legi ne scipovis. Al mi panjo legis librojn kiam mi estis kvarjara.*

*Kaj al vi, ĉu plaĉas ĉi tie?*

**Agneta Emanuelsson (Svedio):** Jes, plaĉas ke oni povas vidi la librojn, kaj poste mendi ilin.

*Jes, ĉar oni kutime tra montrofenestro rigardas librojn, sed ni ne povas tiel rigardi.*

*Kion vi ŝatas legi?*

**Beatrice Clarke (Britio):** La poezion de Auld. Kaj vi?

*Aventurojn de Tinĉjo.*

**Dima Ŝevĉenko (Rusio)**



*Tago de la Libro (maldekstre), ĵus gratulis akompanantinon, Inge Lulofs.*

*Esperanto*, kies kore-lingvan originalon BAK Giŭan celis enmanigi al lernantoj kiel pli praktikan gvidilon ol la (laŭ li) "ege konfuzanta" Plena Analiza Gramatiko.

Fine, Ĵila Sedighi (Irano) prezentis la poemaron *Kvar sezonoj* de sia samlandanino Marjam Nezami.

**Intimaj babiloj**

Semitaj tra la kongresa semajno denove troveblis "aŭtoraj duonhoroj", kiuj celis babile interkonatigi Esperanto-aŭtorojn kaj iliajn legantojn. Ne temis nur pri plej freŝaj verkoj, kiuj "Laste aperis": tia limigo ja ekstreme malvastigus la rondon de inviteblaj verkistoj kaj eldonistoj.

Ĉi tiu programero restis preskaŭ sekreta, ĉar nur surloke estis difinite kiu aŭtoro prezentiĝos en kiu tago, kaj la informoj ial ne atingis la kongresan kurieron. Do, kutime ne pli ol dekhoma publiko aŭskultis la aŭtorojn: Anita Altherr (*Ne facilas esti... sloveno en Italio*), John Wells (*Lingvistikaj aspektoj de Esperanto*), Dieter Kleemann (kuneldoninto de *La malgranda sorĉistino*), Jean-Pierre Danvy (kunaŭtoro de la granda franca-Esperanta vortaro), Gilbert Ledon (*Al la tero returne, Sennaciece tra nia mondo* k.a.; en preparo: *La homkonforma sociordo*), SYÔZI Keiko (Libroteko Tokio) kaj Probal Daŝgupto (tradukinto el la bengala, i.a. de la aŭtobiografio *Mi juna* de sia patrino kaj de la ĉi-jarcenta romano *Klera edzino* de Upendronath Gangopaddhae, aperonta baldaŭ ĉe Edistudio).

**István Ertl**

*Belartaj Konkursoj:*

# Velkaj branĉoj

Nur trideko da homoj juĝis inda persone ĉeesti la diskonigon de la rezultoj de Belartaj Konkursoj. La forestantoj pravis: malgraŭ laŭdindaj eroj, la Konkursoj de longe ne fartis tiel malbone kiel en 1994.

Ke neniu aziano premiiĝis en ĉi tiu "azia jaro" (rimarkigo de Michela Lipari), tio ankoraŭ klarigeblas per la hazardo kaj per la kutima konkursa malfervoro de azianoj. Ke iun branĉon — kiel nun poezion — plagas senpremieco, ankaŭ tio ne estas tute escepta (same okazis antaŭ tri jaroj). Sed kiel opinii pri la absoluta manko de kantoj? Kion aŭguri por la daŭre eksperimenta branĉo "vidbendoj", se nur du verkoj alvenas? Kiel klarigi la ĉi-jaran misrikolton de nur 57 (!) konkursaĵoj? Ĉu la verkemuloj tro imponiĝis de la pasintjara premiofalĉo de la fenomena "ibera skolo"? Ĉu la spertaj aŭtoroj tro cedeme lasas la terenon, kaj la novulaj niveloj ankoraŭ ne premiindas? Kiel ajn, la movadaj kronikoj ne raportis pri simila malkonkursemo ekde Rejkjaviko (1977, 56 eroj)!

Unu el la ĵurianoj jene lamentis pri la alsenditaj poemoj:

"En la 22 versaĵoj (mia deontologia sento rifuzas nomi ilin 'poemoj') eĉ ne ero, spuro, sparko de poezio. Nur elementlernejaj ekzercaĵoj, anekdotoj, ekstemporalaj pensetoj, svenemaj siropaĵoj, arkaikemaj kanzonoj, remaĉitaj aforismoj, sensukaj filozofiumaĉadoj, porinfanaj fabloj, finfine ĉia imageble kaj neimageble sensignifa skribaĵo, ne malofte misgramatika kaj mismetrika; ĉio krom poezio!"

Kio pozitiva, do? Unue: la premiitaj verkoj ja meritis la altan rekonon, tiel ke la premioj mem ne perdis prestiĝon. Due: la malfacila branĉo "teatraĵoj" liveris altkvalitajn, potenciale surscenigeblajn pecojn. Trie: la rekorda kandidatigo de kvin infanlibroj ŝajnas signali ke la eldonejoj ambicie viglas. Kvare: riveliĝis kelkaj novaj nomoj: Zsuzsanna Csiszár, Mike Sadler kaj — precipe — Giuseppe Spini, la Nova Talento.

Kvine kaj fine, ni konsideru la modere kuraĝigajn vortojn de Vilmos Benczik, prezidanto de la juĝkomisiono, kiu enkonduke prognozis jene pri la E-literaturo: "Degenero de la librokulturo, malfekundeco de la verkistoj, malfacila distribuo, nelegemo de la legantoj — ne ĉi tiuj faktoroj endanĝerigas la Esperantan literaturon, sed tio ke pli kaj pli da homoj satigas sian fikciemon per filmoj, anstataŭ per libroj. Sed la esperantistoj ja apartenas al la kultura elito, do *la Esperanta literaturo ne mortos pli frue ol literaturo ĝenerale.*"

Ĉu kreska konkursemo permesos al ni pli da optimismo en Tampereo, kiam nian kongreson gastigos lando tradicie librama?

**ie**

*BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA 1994*

POEZIO: Neniu premio aljuĝita. Partoprenis 22 verkoj de 9 aŭtoroj el 8 landoj.

PROZO: **Unua premio:** ne aljuĝita; **Dua premio:** Georgo Kamaĉo (Hispanio) pro *Avataro*; **Tria premio:** Georgo Kamaĉo pro *Gulivero en Ĉapelujo*. Partoprenis 17 verkoj de 10 aŭtoroj el 8 landoj.

TEATRAĴO: **Unua premio:** Paul Gubbins (Britio) pro *Konto de l' vivo*; **Dua premio:** Paul Gubbins pro *Hotelo de l' Teatro*; **Tria premio:** Paul Gubbins pro *Int-Ant-Hont* kaj Mike Sadler (Hungario) pro *Sofo*; **Honora mencio:** Mike Sadler pro *Teo kaj testamento*. Partoprenis 7 teatraĵoj de 4 aŭtoroj el 3 landoj.

ESEO: **Premio Luigi Minnaja:** Nikola Rašić (Nederlando) pro *Pledo por sociologio de Esperanto-movado*; **Honora mencio:** Zsuzsanna Csiszár (Hungario) pro *La lingvaĵo de porinfana literaturo*. Partoprenis 4 eseoj de 3 aŭtoroj el 3 landoj.

PREMIO "NOVA TALENTO": Giuseppe Spini (Italio) pro la prozaĵoj *La lasta kunveno* kaj *En signo de paco*.

INFANLIBRO DE LA JARO: Dividita inter tri libroj: *Emilo de Smolando* de Astrid Lindgren, tradukis Harold Brown kaj Kerstin Rohdin, eldonis Progreso Eldonejo (Svedio); *Muminvalo* de Tove Jansson, tradukis Eckhard Bick, eldonis Esperanto-Asocio de Finnlando; kaj *La krabo, kiu ludis kun la maro* de Rudyard Kipling, tradukis Amri Wandel, eldonis Edistudio kaj Esperanto-Ligo en Israelo. Partoprenis 5 libroj de 5 eldonintoj el 5 landoj.

VIDBENDO: Neniu premio aljuĝita. Partoprenis 2 filmoj de 2 aŭtoroj el 2 landoj.

KANTO: Neniu premio aljuĝita, ĉar neniu valida konkursaĵo partoprenis.

*Nacia Spektaklo:*

## Koreaj kresĉendoj

Buntaj kostumoj, diversaj muzikstiloj kaj tradicieca etoso: jen la ĉefaj trajtoj de la nacia spektaklo, prezentita dum la lasta kongresa posttagmezo en salono Zamenhof, kiu alie nomiĝas Kajagum: taŭge, ĉar tio estas la nomo de grava tradicia instrumento korea, simila al citro.

Post projekciado de komentitaj lumbildoj pri Koreio estinta kaj nuna, gratule parolis CHI Youn-tai, prezidanto de la Korea Turisma Korporacio, kiu – kun Korea Nacia Tradicimuzika Instituto – subtenis la spektaklon. Daŭrigante tian formalecon, sekvis kortega danco, "Du belulinoj antaŭ peonio", kaj kortega simfonio, "Preĝo por paco kaj prospero". La malrapida, nepulsa ritmo kaj la multkoloraj vestaĵoj bone sentigis la majestecon de longe forpasinta tempo.

La etoso iĝis pli medita pro "Muziko por klara voĉo kaj aliaj", dum kiu la flutego *taegum* elvokis sentojn kamparajn. Poste *kajagum*-oj enkondukis dancojn folklorajn kun buntaj vestaĵoj. La danco "Salpuri" emis forsorĉi malbonajn spiritojn, kaj "Gang-gang-su-ŭol-le" celis adoron al la plena luno.

Sekve aperis la ege populara "Samul-no-ri" (akordo per kvar frapmuzikiloj). Preskaŭ nekredeble ke nur kvar perkutinstrumentistoj povis tiom kapti la intereson de la aŭskultantaro! La labirintaj ritmoj neniam ĉesis. Kresĉendojn sekvis kresĉendoj – sed ne ordinaraj. Ne nur la sono pli kaj pli fortiĝis, ankaŭ la ritmo iĝis pli kaj pli rapida. Ĉiufoje kiam oni ne povis plu elteni, la kresĉendo tuj haltis, sed denove ekis por atingi novan, pli altan tavolon. La finfinan kresĉendon plenumis la publiko – per laŭtega aplaŭdado.

**Barry Savage (Kanado/Koreio)**



*Kongresano CHO In-hwan ludas la instrumenton* kajagum.

*Kabareto:*

## La Fraŭlino kaj ŝiaj viktimoj

"Mi neniam estis tiom varma, mi neniam spertis tian klimakson" – jen ŝi, nekomparebla, eĉ en la varmego de la Seula klimato.

Fraŭlino Barlaston refoje donacis al UK-kongresanoj du neforgeseblajn horojn. Dissprucigante spritaĵojn surbaze de "la neŭtra kata fundamento" ŝi interpretis muzikalojn konatajn (*Tosca*) aŭ malpli konatajn ("la sola irlanda muzikalo").

Ŝia tremiganta voĉo, la neimiteblaj movoj, gestoj kaj vortludoj streĉis la ridmuskolojn de la ĉeestantoj preskaŭ seninterrompe. Volonte ili sin oferis kiam ŝi serĉis kelkajn "vikt ... volontulojn en la salo ... salono" kaj ili agis laŭ ŝia instruo kiel "feliĉaj floroj en bela ĝardeno", t.e. sur la scenejo. Eĉ kiel brasikfloroj.

Alia viktimo devis suferi pli: "John Cristopher" estis mankatenita dum la adiaŭa vespero, kaj tiel la prezidanto de UEA ĉi-foje prezentis sin iom alimaniere al la membroj. Onidire kelkaj tre ŝatis tion...

Ĉu iu pridubis ŝian britecon? Jen ŝi pruvis ĝin ne nur per la brita humuro, sed ankaŭ per kanto en la angla, tiom rapida "ke eĉ neniu rimarkus ke ĝi estas en la angla lingvo", kaj tiel neniu esperantisto devis maltrankviliĝi.

Ŝi adiaŭis per *My Fair Lady* : "Mi povus danci plu, eĉ tra la tuta nokt'" – kaj ĉiuj samopiniis: Mi povus aŭskulti plu, eĉ tra la tuta nokt'!

**Frank Stocker (Germanio)**

*Kino:*

## Manpleno da mistero

Bona ideo, prezenti filmon de la gastiganta lando por konatiĝi kun ties kulturo. Do, gratulindas ke LKK surprogramigis la filmon *Manpleno da tempo* de BAEK Il-sung, kun esperantlingvaj subtitoloj.

Sed en la filmo interparoloj ne tiom gravas kiom scenoj mem. Temas pri korea arkeologia profesoro, instruanta en germana universitato. Post kormalsaniĝo li revenas al sia naskiĝurbo en la malfruaj 30-aj jaroj, oni klarigas; sed ankaŭ tiuj priskriboj de la fono ne tiom gravas. Frapis min la forto de la scenoj mem.

Inter pecojn el la reala vivo de la profesoro enŝoviĝas ne malmultaj simbolaj scenoj. Bela ŝamanino dancas, ĉe rando de klifo, kvazaŭ por alvoki la sunon suprenveni. Lepruloj vagadas tra sovaĝa tero, foje sub arda suno, foje en neĝblovado. Gruoj sur branĉoj arbaraj. Serpento rampanta. Kaj almiksiĝas rememoroj ... Kara, amplena patrino. Hazarda ŝtelrigardo al adultado de virino. Amikino kun kiu la knabo ofte ludis kaj kiun li tamen forlasas por studi en Eŭropo ... Eĉ ni komencas senti ke la profesoro devas sperti tiujn viziojn por kompreni, antaŭ sia morto, kion li ne realigis en sia vivo.

Ĉiuj ĉi imagaĵoj kreas apartan etoson. Malmergiĝas mistera mondo, kvazaŭ tiu de mitologio. Foje tiuj alternoj de scenoj realaj kaj imagaj malfaciligas sekvi la rakonton, sed ĉe la spektanto restas mistera impreso.

**USUI Hiroyuki (Japanio)**

*Teatro:*

# Necesis nenia lingvo

Oni anoncis pupteatran prezentadon. Kvankam mi ege ŝatas teatraĵojn plurspecajn, pupteatro ne allogas min, kaj mi decidis ĉeesti nur ĉar temis pri io korea. Du minutojn antaŭ la komenciĝo rapide kaj supraĵe mi tralegis la programon ... Anonci tian spektaklon kiel pupteatron estis granda eraro, pluraj kongresanoj neglektis ĝin pro tio. Kaj tia neglekto montriĝis grandioza eraro.

*Kampokanto de Suda Regiono*, unuhoma teatraĵo, estas senvorta, sed SHIM U-song per siaj movoj, per sia esprimplena mieno, per elekto de eksterordinara muzika kunmetaĵo, per sia kapablo komuniki sentojn kaj elvoki emociojn, sukcesis penetri la animon de la ĉeestantoj. Trafe Michela Lipari, ĉe la fino, diris: "nenia lingvo estis bezonata, ankaŭ Esperanto superfluis".

Pli ol pupteatra prezentado, ĝi estis por mi emocia ŝoko. La disvolviĝo de la temo kaptis min iom post iom en spiralo eble neniam spertita antaŭe. Ĝi lasis min senspira, kiel post ricevo de al-stomaka forta pugnobato; apenaŭ mi sukcesis gratuli la artiston.

Temis pri funebro por junulo mortinta dum unuiga milito de la dividita patrujo kaj pri ia ŝamana rito celanta plifaciligi al lia animo transiron al alia mondo. La iloj kaj pupoj uzitaj estis vere tiuj uzataj en la korea ŝamanismo, kaj la gestoj kaj dancoj devenas de ties tradicio. SHIM U-song mem komponis la verkon kaj interpretis ĝin majstre.

**Edvige Tantin Ackermann (Italio)**



Vida Jerman prezentis dupartan programon. Ŝia vivavoĉa antologio el la kroata poezio povis vere sorĉi tiujn kiuj kutimas aŭskulti foje malfacilan, foje rapidan lingvaĵon. En la pli konversaci-stila dua parto ŝi ludis monologon kvazaŭ "laŭmezure tajloritan", *Inventante ke mi sonĝas* de José Agustín, pri la vivoproblemoj de aktorino. Eble oni povas bedaŭri ke unuaktoraj prezentoj estas tipe oftaj en Esperantio, sed ĉe Vida Jerman oni ne pensas pri tio: ŝia arto plenigis la vastan scenejon de salono Ĵelezo ankaŭ sen kunludantoj.

*Adiaŭa Vespero:*

# Foje dormige, foje revige

La lasta vespero de la kongreso povus facile nomiĝi Internacia Vespero laŭ sia enhavo, sed laŭ la programo ĝi estis "Adiaŭa koncerto". Kelkaj ĝiaj eroj ne indis por prezento dum Universala Kongreso, ĉar UK ja estas io pli ol kluba kunveno ...

Du geestroj, CHOI Yun-huy (Hortensio) kaj Atilio Orellana Rojas enkondukis la programerojn. Unue aperis Caio Ferreira Silva, 14-jarulo el Brazilo, kiu deklamis la poemon "La kvin dronintoj" de Sylla Chaves, kun enplektitaj diraĵoj en la franca, hispana, rusa kaj Esperanto. Necesis vera lerto por ne erari, kaj la aplaŭdoj montris ke li plene sukcesis.

Post humuraĵo de Gafur Mirzabajev (Uzbekio) la korea muzikistino SONG Gjuĝong ludis per tradicia kordinstrumento. La trankviliga muziko bele sonis, sed en la neklimatizita halo ĝi simple endormigis multajn homojn, ĉar jam preskaŭ estis la 22-a horo.

Arimantas Račkauskas el Litovio vere impresis min per sia tre plaĉa, piane akompanata voĉo. Oni nepre reinvitu lin! Inge Lulofs, nederlanda pianistino, bone ludis kvar muzikerojn.

Vida Jerman, drama aktorino el Kroatio, kantis laŭ registritaj muziko kaj voĉo. Al mi ŝajnas akceptеble kanti laŭ surbendigita muziko, sed ke oni lipkantu la vortojn kiam la registrita voĉo venas el laŭtparoliloj aliloke metitaj, tio ja ĝenas. Kaj ĉu la momento vere taŭgis por disdoni ILEI/UEA-diplomojn al la dumkongresaj ekzamenitoj, kiel faris poste Marija Belošević?

KIM Ŭonsik kaj aliaj koreoj prezentis masko-dancon. Certe neniu povis tiam endormiĝi, ĉar la vigleco de la dancistoj kaj ĉefe la frapinstrumentoj elektris la etoson. Post tio, Julián Hernández Angulo kaj Hector Jiménez el Kubo ĝojplene kanzonis kun gitara akompano. Dekomence oni sentis ke ili kantas perkore. Bedaŭrinde ke ili ne povis veni al la IJK, ĉar ili certe furorus tie!

Jen, estis la 23-a horo: ĉu denove multaj endormiĝos? Tute ne, ĉar alvenis Kristoĉjo Resende el Brazilo (6 1/2-jara), por rakonti la historion de la knabo Ludoviko. Kiun ne ĉarmus tiu infano, ŝajne pli scioplena pri la ekesto de nia lingvo ol multaj esperantistoj? Du nepalanoj kantis nacilingve, kaj poste fraŭlino Barlaston ridigis la ĉeestantaron. Mi rigardis ĉirkaŭ mi: la azianoj enamiĝis al ŝi! Kia potenca voĉo kaj talenta prezentado!

Sed fine, ĉar "ĉio havas finon" (Zamenhof), 11-persona koruso kantis adiaŭon, kaj bela emocio leviĝis en la salonego.

**Normand Fleury (Kanado)**

## Instruu Japanie

UEA serĉas Esperanto-instruistinon, kiu flue parolas la anglan, kaj pretas intense instrui Esperanton dum almenaŭ ses monatoj en Japanio. Certigitaj estas vojaĝkostoj al/de Japanio, loĝado (en propra ĉambro) kaj manĝoj, plus 50 000 enoj monate por poŝmono.

*Internacia Kongresa Universitato:*

# Apenaŭ naturscienco

La unua trajto de la ĉi-jara IKU estis azieco, konforme al la kongresa temo: kvin prelegantoj estis azianoj kaj nur tri venis el aliaj kontinentoj. Parto el la aziaj prelegantoj, kvankam elstaraj sciencistoj, manipulas ne tre majstre Esperanton en parolo, kaj la diskutoj post la prelegoj ne ĉiam plenfloris ne nur pro manko de tempo. La dua trajto estis ekstrema malekvilibro inter scienco natura kaj tiu pri homo aŭ socio: nur unu fizikisto kontraŭ ĉiuj aliaj. Krome oni povis rimarki ke la halo Lapenna estas tro vasta por 30-60 aŭskultantoj, kiuj aŭdis jenajn prelegojn:

Prof. d-ro LEE Chong-Yeong: **Rolo de Azio en la mondo.** La 19-a jarcento apartenis al Eŭropo, la 20-a al Usono, sed la 21-a jarcento povos aparteni al Azio — ekonomie. Azio tamen ne estas forta en la internacia politiko kaj ne ludos grandan rolon en la internacia milita scenejo. La azia kulturo restos tradicia, loka. Ĝi devas montri sian gvidforton en moralo. Esperanto grave rolos en la kultura kaj morala komunikado.

Prof. d-ro KATSUMORI Hiroshi: **Esperanta terminaro pri scienco por maŝintraduko kun Esperanto kiel pontlingvo.** Ĉe multlingva maŝintraduko ege helpas ideala pivota lingvo. Esperanto plej taŭgas por la pontlingva rolo laŭ sia strukturo. Se oni aplikas interredakton en la mezo de la duobla traduko, la rezulto estas pli bona ol en postredakto. En lia laboratorio oni kreis la traduksistemon Chuestra, kompilis *Esperanta terminaro de fiziko* kaj kompilos tiun de aplikata matematiko.

LIU Caisheng: **La Silka Vojo.** Per abundaj lumbildoj li kondukis la aŭskultantojn laŭ la Silka Vojo de oriente okcidenten. Du jarcentojn a.K. oni komencis transporti silkaĵojn produktitajn en Ĉinio al Okcidenta Azio kaj al mediteraneaj landoj, kaj revene vitraĵojn. Li ankaŭ prezentis ekspediciojn de Zhang Qian, pilgrimadon de la bonzo Xuan Zhuang, kaj rakontis kiel oni kontrabandis silkokulturan teknikon.

YAMASAKI Seikô: **Mekanismo de internacia komerco por laikoj.** Ne ekzistas risko ĉe la vendo por "kontanta mono kontraŭ livero". Sed en la internacia komerco tio ne eblas. Por forigi riskon ĉe la vendado de varoj transmare, la vendanto ricevas konosamenton de la transportanto (ŝipkompanio). Kiam la pago estas farita pere de la bankoj, la konosamento estas transsendita al la aĉetanto, kiu povas ricevi per ĝi la varon. Cetere asekuro kaj akreditivo evitigas damaĝon okaze de diversaj akcidentoj.

Atilio Orellana Rojas: **La nombradsistemo en la indianaj lingvoj de Sudameriko.** Ĉefaj principoj por nombradsistemo estas: a) ordo; b) grupigo. La plej primitiva estas: unu, du, multaj. En la indianaj lingvoj tamen troviĝas krom dekuma sistemo ankaŭ duuma, kvinuma, dudekuma, sesdekuma ktp, responde al kelkaj korpopartoj. Ekzemple por dudekumado ili uzas ambaŭ manojn kaj ambaŭ piedojn. Nombrado per subtraho (kiel en la latina) troviĝas en kelkaj lingvoj. Geografia distribuo de la nombradsistemoj ebligas rilatigi la aborigenojn al nomadoj de aliaj mondopartoj, kiuj en siaj migradoj kunportis tiajn metodojn.

D-ro Vilmos Benczik: **1989 kaj la sekvoj.** Komenciĝanta en Pollando en 1980, la kontraŭreĝima batalo en Orienta Eŭropo rezultigis revolucion en ĉiuj landoj en 1989. Sovetunio falis en 1991. Tio okazis pro la malsufiĉa funkcio de kapitalismo unuflanke kaj pro la fuŝa aplikado de komunismo aliflanke. Post la dua mondmilito fondiĝis komunisma tendaro, sed ĝi monopoligis grandan potencon politike kaj ekonomie, kaj subpremis kontraŭulojn. Tio kaŭzis regreson kaj rigidiĝon tiel ke ĝi ne povis sekvi la progreson en la mondo.

La dupolusa mondo ŝajne fariĝis nun unupolusa, sed restas Ĉinio kaj aliaj; ankaŭ eks-satelitaj landoj minacas la okcidenton ekonomie per siaj malmultekostaj kaj relative bonkvalitaj varoj kaj laborfortoj. Kapitalismo fariĝos pli impertinenta. Aliaj sekvoj: naciismo ambaŭflanke sen ideologia kateno; kultura degenero, kiu okazas malrapide en okcidento sed tre rapide en oriento.

Prof. d-ro Ronald J. Glossop: **La milito kiel politika problemo.** Difino: milito estas grandskala perforta konflikto inter grupoj kiuj estas registaro aŭ kiuj celas starigi registaron. La nuna problemo estas manko de institucioj kiuj povus regi la konfliktojn. Modelas la demokratia sistemo, en kiu oni elektas sian reprezentanton per sekreta baloto, en kiu gajninto garantias la rajton de malplimulto, en kiu oni lasas konflikton, sed ĉesigas perforton. Politika demokratio estas kontentiga alternativo al milito.

Emerita prof. NISIUMI Taro: **La afero Takigaŭa kaj la libereco de pensoj en antaŭmilita Japanio.** Prof. Takigaŭa estis forpelita de la Kiota universitato en 1933 fare de la registaro pro sia liberalisma ideo pri la kriminala juro, spite al la profesora konsilio de la jura fakultato. Protestante kontraŭ tio demisiis sep profesoroj. Ilian sorton sekvis profesoroj de Tokia Universitato, kaj frakasiĝis la studenta rezistado batalanta por la libero de pensoj.

**SAKAMOTO Syôzi (Japanio)**

## TEJO pri regionoj

*"Regiona kunlaboro en Eŭropo – Ĉu motoro por la eŭropa integriĝa proceso?"*

Pri tio diskutos la partoprenantoj de la venonta TEJO/KER-seminario apud Prago, inter la 29-a de oktobro kaj 4-a de novembro. Ni prioritate akceptos E-aktivulojn sub 30 jaroj el eŭropaj landoj, kiuj serioze kaj aktive kontribuos al la programo. Aliĝu rapide, ĉar ekzistas nur 40 lokoj.

**Aliĝoj:** Lucie Karešová, Tylova ul. 1262, CZ-508 01 Hořice v Podkrkonoši, Ĉeĥio

**Program-kontribuoj:** Aleksandar A. Ŝivarov, Haĝi Dimitar 5 ap. 20, BG-9004 Varna, Bulgario. Tel. +359/52/246-326; faks. 828-663.


*Fermo:*

## Nova flago . . . ĉu ĝis 2040?

Venis la lasta kvieta mateno, kaj kun ĝi la solena fermo... — ŝercis John Wells, salutante la kongresintojn el podianaro kies konsisto apenaŭ ŝanĝiĝis kompare al la inaŭguro. Ne plu ĉeestis la altranguloj KANG Younghoon kaj LEE Hwan-ey, sed aldoniĝis LKK-vicprezidantino RHEE Hak-sun, kaj TEJO reprezentiĝis ĉi-okaze pere de Danny ten Haaf.

Oni forte aplaŭdis la informon de Wells pri la nombro de aliĝintoj, kiu atingis 1776. Poste la nova ĝenerala sekretario, Mark Fettes, raportis pri la programo kaj rezultoj de la UK — malgraŭ ke li, siadire, volonte rekomencus la tuton, ĉar li maltrafis 90% de la tuto pro siaj oficaj devoj.

La Fondaĵo Grabowski subtenas meritajn kulturajn aktivaĵojn per subvencioj kaj premioj. La ĉi-jaraj premioj instigas eldonejojn kaj revuojn: unuan-duan premion (po 500 US dol.) ricevis la rusiaj eldonejoj Impeto (Moskvo) kaj Sezonoj (Jekaterinburgo), dum diversaj premioj iris al la ĉinaj periodaĵoj *Tutmondaj Sciencoj kaj Teknikoj* (150 dol.) kaj la beletra *Penseo* (113 dol.), kaj al la franca *Rok-gazet'* (264 dol.).

Kiel kutime, dum la kongreso mem alvenis pluaj salutmesaĝoj. Tiu de Unesko konfirmis ke la organizaĵo "daŭre interesiĝas pri la disvastigo de Esperanto kaj la laboro de UEA, kiujn ĝi subtenas". Ankaŭ salutis aferŝarĝito de la israela ambasado en Koreio, kiu substrekis "la gravecon de komunikado kaj kompreniĝo inter popoloj kaj nacioj", ekzempligante la lastatempan proksimiĝon inter Israelo kaj ĝiaj najbaroj.

En la pasinta semajno ĉiuj familiariĝis kun la tradicia instrumento *kajagum*: adiaŭe ĝin sonigis kongresano CHO In-hwan, membro de la Korea Nacia Tradicimuzika Instituto. La pacaj sonoj agordis la animojn al la altaj ideoj kaj stilo de Claude Piron, kies paroladon legis Simo Milojević. Temis pri dankvortoj pro la altvalora Premio Deguchi, fondita kaj malavare subtenata de Oomoto, kiun la UEA-estraro ĉi-jare aljuĝis al Piron. En la emoci-plena parolado Piron nomis Esperanton "unu el la konkretiĝoj de la Bono" kaj konkludis: "Ĉar interhomaj rilatoj estas la bazo de la tuta socia vivo, taŭga, efika, justa, psike kontentiga lingva komunikado inter la popoloj estas la ĝis nun ĝenerale ne konsciata bazo de harmonio en la rilatoj inter Nordo kaj Sudo, inter Oriento kaj Okcidento." (Ni publikigos la tutan tekston en oktobro.)

"La mondo moderniĝas" — tiu konstato de Wells estus banalaĵo (kvankam ĝi enkondukis la anoncon ke la servoj de UEA ekde nun estas pageblaj per kreditkarto Eurocard/ Mastercard), se ĝin ne akompanus emocia momento: la malhiso de la flago kiu akompanis la Universalajn Kongresojn ekde Berno (1947). Ne temis pri forrifuzo de tradicio, sed ja necesis emeritigi la standardon 47 jarojn aĝan, kies dekstra rando jam pleniĝis per la alkudritaj nomoj de la kongresurboj. Tial necesis investi novan flagon, donacitan de la korea teksa kompanio Ansung.

Malmultaj LKK-oj tiom meritis la dankojn kiel la Seula, kaj impone longis la listo de dankataj firmaoj kaj aŭtoritatoj. Ĉies aplaŭdo publike omaĝis la kongresanon Rob Moerbeek, kiu antaŭ nelonge jubileis pro 25-jara laborado en la CO de UEA.

La venontjaraj LKK-anoj Pentti Järvinen kaj Heta Kesälä transprenis la kongresan flagon. Eĉ en la norda klimato de Tampereo estos ŝvitiga tasko nivele rivali kun la Seula UK, sed se kongresa kvalito kaj alteco de LKK-anoj iel kunrilatas, tiam eblos eĉ superi ĝin, ĉar s-ro Järvinen certe ne estas la sola organizanto kiu altas pli ol 180 centimetrojn . . .

La solenaĵo finiĝis per la jam tradicia kuraĝigo de Wells *uzi* Esperanton ("Ni scias ke Esperanto funkcias. Se *ni* ne uzas ĝin, mi dubas ĉu iu uzos ĝin") kaj, kompreneble, per milvoĉa kantado de "La Espero". **ie**

## Kongresa rezolucio

La 79-a Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en Seulo de la 23-a ĝis la 30-a de julio 1994 kun 1776 partoprenantoj el 66 landoj,

**konsiderante** la gravecon kiun havas paco en la korea duoninsulo ne nur por la paco de Azio, sed ankaŭ por la paco de la tuta mondo,

**konsiderante ankaŭ** ke la komuna, neŭtrala kaj facile lernebla internacia lingvo Esperanto jam pruviĝis utila por faciligi la internacian kaj interhoman komunikadon,

1. **esprimas la esperon** ke la korea duoninsulo estos "zono paca", kiu estu modelo por la paco ne nur en Azio sed ankaŭ por la tuta mondo;

2. **alvokas** ke la registaroj de Suda Koreio kaj Norda Koreio ne nur permesu sed ankaŭ kuraĝigu la interkomunikadon kaj intervizitadon de individuoj en la du Koreioj; kaj

3. **rekomendas** ke la registaroj de ĉiuj landoj subtenu strebojn de ĉiuj organizoj, movadoj kaj registaraj instancoj kiuj celas antaŭenigi la interpopolan komunikadon, uzante interalie ankaŭ Esperanton.

# Kongresa kvodlibeto



## Akademio: Kunsido en Kore*io*

Nur kvin membroj de la Akademio de Esperanto venis al Seulo, kaj tri el ili (Christer Kiselman, John Wells, YAMASAKI Seikô) respondis al demandoj de ĉ. 40-kapa publiko. Kvankam laŭ Wells landnomaj demandoj devus malpli zorgigi ol ekz. la ofta konfuzado de *peti* kaj *demandi*, oni neeviteble longe diskutis pri landnomoj. Konfrontite al la konstato ke en Seulo ĉiuj parolis pri la lando "Koreio", dum la oficiala landnoma listo de la Akademio sankcias la formon "Koreo", la akademianoj konfirmis ke la decidoj de la Akademio estas revizieblaj.

## Akcepto: Du urbestroj

La urbestra akcepto estis unu el la plej imponaj de multaj jaroj, kaj ne nur pro la delikataj manĝoj. Imponas ke LEE Won-jong, la estro de 12-miliona metropolo kiun oni foje taksas la kvara plej granda urbo de la mondo, trovis du horojn por la e-istoj kongresantaj en "lia" urbo. Inter la ĉ. 150 invititoj oni povis vidi la prezidanton de la Honora Komitato, d-ron KANG Young-hoon, kaj la urbestron de Kaunas, la litovan Arimantas Račkauskas.

## Aŭtoj: Rimarko pri markoj

*Kia espero?*— oni povus lamente demandi en la stratoj de Seulo, meze de la ĉiea horda svarmado de aŭtoj. Kaj morne respondi: *Besta.* Per tiu ekzerco oni laŭte nomus tri pseŭdo-Esperantajn aŭtomarkojn koreajn: Espero, Kia kaj Besta.

## Azio: Ĉu propran kongreson?

Ne nur simpla estrarano sed laŭeble vicprezidanto de UEA okupiĝu pri la azia agado post la venontjaraj estraraj elektoj, aŭ minimume fondiĝu komisiono pri azia agado — tion volas la aziaj aktivuloj kunvenintaj. Ne identas kun tiu komisiono, sed ĝuste preparas ĝin, la interkonsiliĝa triopo kiun oni elektis: SO Gilsu el Koreio, YAMASAKI Seikô el Japanio kaj ZOU Guoxiang el Ĉinio.

Puramo Chong proponis aranĝi Azian Kongreson, por ke la azianoj pli ofte kongrese praktiku Esperanton. Multaj aprobis tion, kvankam leviĝis demandoj solvendaj: ofteco, kongreslando, rilato al la jam tradicia Pacifika Kongreso ktp. La starigenda komisiono devos diskuti do ankaŭ pri Azia Kongreso. (DOJ Ĉ.)

## Blinduloj: Mankis azianoj

En la kunsido de Ligo Internacia de Blindaj E-istoj aperis ses interesatoj. La sekretario de LIBE, Nora Moerbeek, klarigis i.a. la eldonadon de la surkasedaj revuoj *Esperanto* kaj *Monato*, kaj de la brajla *Esperanta Ligilo* (vd. apr., p. 69), kies eks-redaktoro, Raymond Gonin (nova Honora Membro de UEA), sendis saluton pere de sia filo Hervé. Moerbeek bedaŭris ke ne aperis en la UK vidhandikapuloj el Azio mem. Koreo promesis serĉi tiajn kontaktojn, kaj japanino menciis planon de Japana Asocio de Blindaj E-istoj aliĝi kun siaj 23 membroj al LIBE. (N. kaj R. Moerbeek)

## Ekumena diservo: Himnoj dolĉaj

"Multaj kongresanoj serpentumis post la gvidanto al la proksima preĝejo Kwangjang. Tie atendis koruso de la preĝejo Chunghyun, veturinta longe por muziki por ni, kaj la koruso de Kwangjang mem, kiuj kantis himnon de gloro. Aŭdiĝis preĝoj kaj predikoj, sed aparte interesa estis korea himno, tradukita al Esperanto, kiun kantis koreaj membroj de Kristana E-Ligo Internacia. Ĉiuj kune kantis "Ho granda Dio", la ĥoroj koree kaj ni Esperante. Post la beno oni invitis nin iom manĝeti ekstere kukojn, ĉokoladon kaj aliajn dolĉaĵojn." (M. Massar)

*Aŭkcio:*

## Fantaziaj ciferoj

Virtuoze apud la virtuozego John Wells, HUZIMOTO Tatuo el Japanio plenumis la taskon ŝtopi la breĉon rezultan de la dizerto de Humphrey Tonkin, timigita de la longa vojo al Tippe ... pardonon, Seulo. La novicon foje devis skoldi la dojeno, timanta la mankon de tempo, pro lia ardeco altigi la prezojn. Tio tamen meritus la laŭdon de financ-komisionanoj. Dejoris por disdoni kartojn al sukcesaj aŭkcianoj Lins filo: ĉu lernojaroj por la estraraneco?

Inter malnovaj vizaĝoj kiel NAGASE Yosikatu, ges-roj Nourmont/Moon aŭ s-rino Fighiera-Sikorska, kies nomojn la martel-tenantoj ŝajnis parkere scii ĉiujn ĝis la plej modesta, aĥ, neeminenta, miksiĝis kelkaj novaj, kiel Gilbert Ledon la SATano (kun majuskloj).

Oni ne vendis estraranojn kaj estraraninon tiun ĉi jaron. Ofertitaj estis serendipaĵoj* (pardonon pro la neologismo) kiel la malofte havebla romanego *La granda kaldrono*, japana-Esperanta vortaro kun la muziko de "La vojo", aŭ diversaj poŝtkartoj inkluzive unu de Klara Zamenhof. [Ĝi estis la plej koste vendita aŭkciaĵo, je 51 000 ŭonoj, aŭ 110 gld. *-Red.*] La altaj ciferoj en ŭonoj donis fantazian altklasecan atmosferon al la loko.

YAMASAKI Seikô (Japanio)

**serendipeco*: "sistemo de induktoj, kiuj ebligas al la detektivo trovi la nesuspektatajn kaŭzojn de apenaŭ rimarkeblaj kaj plejofte preterlasitaj faktoj" (Waringhien: *Eseoj I. Beletro*, p. 188)

## Eŭropa agado: Ĉu sur nova bazo?

Dum du kunsidoj prezidataj de Mark Fettes, sepdeko da kongresanoj diskutis pri la klopodoj plialtigi la prestiĝon kaj konatecon de E-o ĉe oficialaj eŭropaj instancoj. Ili faris kelkajn rekomendojn por plibonigi la eŭropan agadon. Unue, la landaj asocioj en Eŭropo interkonsentu pri komuna komunikilo, eventuale en formo de "eŭropa paĝo" publikigota en la landaj E-revuoj. Due, la asocioj abonu aŭ regule mendu la oficialajn dokumentojn, en sia nacia lingvo, pri la eŭropaj lingvopolitiko kaj -instruado. Trie, la asocioj ellaboru kaj pridiskutu laborplanon, por akcepto ĉe la Eŭropa Kongreso en Parizo (1995). Kvare, la asocioj flegu rilatojn kun nemovadaj asocioj por disvastigi konscion pri la lingvoproblemo kaj la realeco de Esperanto.

Post prezento de *Post 20 jarcentoj*, esperantigita filmo de la Eŭropa Komisiono, Michael Cwik gvidis diskutrondon por ĉ. 30 kongresanoj, ne nur eŭropaj. La diskuto tuŝis la argumentojn por eŭropa unuiĝo, la ekzist-motivojn kaj ecojn de federaciaj strukturoj ĝenerale kaj la necesan demokratiigon de la Eŭropa Unio.

*Organizanto KIM Kiwon (maldekstre), elĉerpita pro kongresaj taskoj, kaj s-roj Resende (Roberto kaj Kristoĉjo) el Brazilo, frapitaj de "horzonozo"*

## Informado: Olimpikaj mezuroj

La amasinformiloj en Koreio — kie ankoraŭ la angla konsideriĝas kiel la internacia lingvo — relative bone reagis pri la ĉi-someraj E-eventoj: minimume 13 el la ĉefaj gazetoj aperigis artikolojn pri Esperanto kaj la UK, kaj la televido KBS intervjuis la LKK-prezidanton. La 13-an de julio la tutlanda radi-stacio KBS-2 informis en sia dulingva (koreaangla) novaĵelsendo pri la UK. Tiam oni aŭdis, en tre klara angla lingvo, ke al la UK venos 17 000 partoprenantoj! Por tia kongreso, ĉu ni luu la olimpikan stadionon?

## Instruado: Idilio kun Atilio

"La kursanaro plimultiĝis de tago al tago. La kialo certe estis nia instruisto. Lian metodon oni povus nomi 'Lernu per ridoj'." (Dirk Bindmann, Germanio). "Mi pensas ke li havas miraklan talenton, kiu allogas nin al Esperanto." (MURATA Kazujo, Japanio). Tiajn opiniojn ni kolektis de kursanoj de Atilio Orellana Rojas. La mondvojaĝanta argentinano matene Cseh-instruis kaj posttagmeze ... instruis kiel Cseh-instrui, seminariante al ĉ. 50 homoj el deko da aziaj kaj kelkaj aliaj landoj. "Mi multe lernis altnivelan rektan instru-manieron el liaj interesaj, bonhumoraj kaj simpatiaj lecionoj" — skribis NAKAZAWA Etsuko (Japanio). →

## Bankedo, balo: Eleganteco, eŭropeco

Lertaj kelneroj ĉirkaŭzumis rapideme la rondajn tablojn en salono Ĵelezo, kiam ĝi pleniĝis de bunta, bankedema kongresanaro. Iuj glasoleve kantetis, aliaj faris fotojn pri gajaj tablanaroj, prezidanto Wells kuraĝe ĉirkaŭtostis ŝajne ĉiujn tablojn, dum kelkaj plendis pro la simpleco kaj eŭropeco de la manĝo. (Vd. ankaŭ "Plendangulo", p. 154.)

La posta balo liveris okazon por postmanĝaj korpmovoj, kaj prosperis la vendo de ĉiaj enbotelaĵoj. Impona nombro da ĉeestantoj montris sian talenton danci laŭ ritmoj klasikaj kaj malpli tradiciaj. Dum iu grumblis pro varma biero kaj korea junulo trovis la aranĝon maljunuleca, la plejparto tamen simple ĝuis ĉi tiun Esperantuje unikan okazon de amasa kaj eleganta amuziĝo.

# La Granda Trajnvojaĝo

La 30-an de julio, la lastan kongresan tagon, venis pramŝipe el la ĉina Weihai al la Seula haveno Inch'ŏn 28 gejunuloj el Aŭstralio, Aŭstrio, Belgio, Danlando, Francio, Germanio, Nederlando, Svedio kaj Svislando. En la antaŭaj semajnoj ili ĉiuj kunveturis en LGT, t.e. La Granda Trajnvojaĝo. Tiu transsiberia aventuro, organizita de Jan van den Vliet kaj anoncita de longe en junularaj revuoj, allogis eĉ 52 aliĝemulojn el 16 landoj, sed ne ĉiuj sukcesis partopreni.

LGT startis la 11-an de julio el Moskvo, kie pluraj el ili jam pasigis kelkajn tagojn turisme, gastante ĉe esperantistoj. En komforta vagono, kie veturis preskaŭ neniu alia, la 14-an ili atingis Krasnojarsk, kie jam 110 rusiaj esperantistoj kolektiĝis por Orienta Somera E-Junulara Tendaro. La programo de OrSEJT enhavis diversajn aranĝojn ĉirkaŭ la temo "sano". La rusajn ludojn kaj kantojn (E-lingvajn) de la "rusia vespero" la LGT-anoj reciprokis per "karavana vespero" kun divers-etnaj kantoj. La loka E-poeto Aleksej Ĵuravlov lanĉis sian volumeton *Versoj diversaj*. Ekskursoj kondukis al la naturrezervejo Stolbi kaj la Krasnojarska akva elektrocentralo.

La 18-an la 28 LGT-anoj daŭrigis la vojaĝon al Pekino, kie Ĉina E-Ligo organizis riĉan programon. Post travojaĝo de Weihai, Inch'ŏn kaj Seulo, la tutmonatan programon finis, kompreneble, la IJK en Ch'ŏnan. (Jesper Lykke Jacobsen, Andrej Grigorjev)



*Ĉu LKK-anino Hortensio aŭkcias? Ne, sed . . . (legu dekstre)*

### Korea lingvo: Ekspresе, perfekte

Ni ne tiom facile povus komposti frazon en kongreslanda lingvo kiel ni faris pasintjare . . . Sed la unuavide fremda, fakte facile lernebla *hangula* alfabeto ne fortimigis la kongresanojn kiuj dum tri posttagmezoj sekvis la lingvokurson de d-ro BAK Giŭan, aŭtoro de la lernolibro *Korea ekspresе*. La salono eĉ ne estis sufiĉe granda por tiuj — laŭ d-ro Bak — "perfektaj lingvistoj"!

### Korea lingvo 2: Metroa metodo

Tri okcident-eŭropaninoj vizitis la centron de Seulo. Dezirante reveni al sia hotelo, ili informiĝis en la metroo pri la ĝusta direkto. Post ekveturo laŭ la indikoj, jam ĉe la unua stacio ili konstatis ke ili tamen malproksimiĝas de la hotelo. Ili denove demandis — kaj denove ricevis la saman falsan respondon! Kio okazis? Ili trovis ke sur la sama linio ekzistas *du* haltejoj kun la nomo *Shinch'on*!

Sed ili fakte malatentis la decidan diferencon: la stacio kiun ili celis, nomiĝis ne *Shinch'on*, sed . . . *Shinch'ŏn*!

### Kuriero: Maltrafa titolo

La sesnumera kongresa kuriero, *Kvieta Mateno*, ŝajnis moki per sia titolo la propran redaktoron, Joel Brozovsky, kaj lian asistantinon CHOE Youngsuk, kiuj pasigis tute malkvietajn matenojn kaj laborplenajn noktojn en la Gazetara Servo. Ĉi tiu revuo dankas ilin pro multaj prikongresaj informoj. La bela kaj informplena bulteno estas verŝajne la unua kongresa kuriero kun parolata formo: ĉiutage Pola Radio elsendis ĝiajn informojn, ricevitajn fakse.

### Korea kulturo: Tri horoj pri 5 000 jaroj

"La granda nombro da scivolemuloj kiujn altiris la prelego 'Aspektoj de korea kulturo', verŝajne ne supozis ke, krom amaso da profunde elstuditaj faktoj kaj difinoj, ili ricevos ĉarman spektaklon, kiun plenumis unu el la plej interesaj figuroj de la nuna UK, CHOI Yun-Huy (Hortensio), LKK-ano pri artaj aranĝoj. La prelego estis enpensiga kaj igis min klini la kapon antaŭ popolo kun kvinjarmila historio." La lasta frazo de Roman Dobrzyński certe validas ankaŭ por la ekonomika prelego de SO Gilsu kaj por la medicina prezento de Puramo Chong. La tri lekcioj ebligis etan enrigardon en la kulturon kaj kutimojn de nia kongreslando.

### Medicino: Yumeiho kuracas

Jam kvinan fojon en UK okazis prezento de la masaĝo Yumeiho. La iniciatinto, SAIONJI Masayuki, trifoje klarigis la ĉefan teorion al plensalona publiko, kaj poste akceptis pacientojn helpe de tri terapiistoj.

Dum Saionji jam prezentis Yumeiho-n en internacia simpozio pri tradicia kuracado en Moskvo, en la IJK ĉ. 20 homoj lernis kaj praktikis ĝin dum 10 horoj, post prezento fare de Reza (respondeculo de la E-fako de la centra Yumeiho-kliniko).

La libro pri Yumeiho estas jam tradukita al 30 kaj eldonita en deko da lingvoj. Vidbendo pri ĝi ekzistas en 8 lingvoj. Lastatempe la vjetnamia populariĝo de Yumeiho stimulas la E-movadon en tiu lando. (Reza)

### Medicino 2: Venkenda dubo

Dum kunsido de Universala Medicina E-Asocio Elda Doerfler, flegistino ĉe la neŭrologia fako de la Triesta hospitalo, rakontis pri la dubemo de eŭropaj medicinistoj je aziaj kuracmetodoj. Post jaroj da klopodoj persvadi kolegojn, nun unu el ili pretas studvojaĝi al Koreio aŭ Ĉinio kaj serĉas tieajn kolegojn spertajn pri la efikoj de akupunkturo al pacientoj trafitaj de ikto. Dum la kunveno jam proponis sin d-ro TU Jianyi el Chengdu (Ĉinio). Pluajn kontaktojn peras Elda Doerfler (Via del Bosco 24, IT-34131 Trieste, Italio).

## Plendangulo

### Bankedo kulture analfabeta

Mi ja malofte kontentas pri la bankedaj menuoj en UK-oj, sed la ĉi-jara estas skandalo tia ke ne sufiĉas la simpla silenta protesto de nepartopreno. De *karota kremsupo* ĝis *karamela kremo* ĝi estas insulto kaj al la gastronomio de la kongreslando kaj al la frandemo de la (espereble tre malmultaj) bankedanoj.

Pri la kutime alta prezo mi ne diskutas — temas pri la enhavo, kiu estas hontinda, kulture analfabeta banalaĵo. Ĉu estas naiva fantazio supozi ke ankaŭ la bankedo kontribuu al konatiĝo kun la kongreslando? Aŭ ĉu ni nun rezignacie organizas ankaŭ UK-ojn en ia senkonturiĝinta kultura vakuo, kie MacDonald's aspektas kiel idealo de progreso?

Brian Moon (Luksemburgio)

### Splena inaŭguro

Tro multe da vortoj kaj tro malmulte da muziko! Ĉu la inaŭguro estas komparebla kun religia ceremonio? Kie estis gajeco neplanita? Ĉu ili volis entuziasmigi aŭ lacigi? Ĉu malnovaj e-istoj ŝatas naĝi en sia tradicia "supo"? Kie estas freŝa etoso?

Manfred Klatt (Germanio)



**Radio-amatoroj** establis sian stacion en koridoro, kie ĉiu povis vidi ilian laboron. Ili sukcesis starigi 1500 kontaktojn kun radio-amatoroj en Koreio, 1200 kun japanoj, kaj parolis kun samhobianoj en deko da aliaj landoj.

### Medicino 3: Azia premiero

Montrinte vidbendon pri la vivo de la spirita saniganto Bruno Gröning, Detlef Meier raportis pri e-istoj kiuj resaniĝis helpe de la Gröning-instruoj; nelaste pri si mem, kiu tiel evitis pensiuliĝon en la aĝo de 31 jaroj en 1991. Tiu ĉi prezento estis la unua de la Amikaro Bruno Gröning en Azio ekster Rusio.

### Oficiala . . . ginsengo

Tra sia historio la UK-oj havis multajn subtenantojn, ne nur e-istajn sed ankaŭ komercajn, kiuj rajtis sin reklami kiel "oficiala flugkompanio/vojaĝagentejo" ktp. Sed ĉe la kongreshala giĉeto de la ginseng-produkta kompanio Hanil, kiu malavare subtenis la kongreson finance, oni povis trovi ion senprecedencan: "oficialan ginsengan kapsulon"!

### Religioj: Ĉu transnacie?

La spektakla sinprezento de Oomoto, kiel kutime, magnete altiris kongresanojn, kiuj kolektiĝis eĉ 400-ope. La tre abunda programo inkluzivis prelegon de DEGUCHI Kyotaro, prezidanto de E-Propaganda Asocio de Oomoto, pri "Azio en la mondo", vidbendon pri la 100-jariĝo (en 1992) de Oomoto, popolan dancon, pupteatron kaj eĉ magiaĵon. Oni regalis per te-ceremonio kaj donacis belajn sakojn.

Oomoto reaperis ankaŭ en la interreligia konferenco pri la temo "Ĉu religiaj praktikoj povus transiri naciajn kulturojn?", gvidata de UMEDA Yosimi, kiu prezidas la religi-komparan asocion ASISTI. Tie HIRAI Acuŝi (Japanio) prilumis kiel Oomoto kaj la episkopa eklezio kundividas sanktaĵojn per siaj komunaj diservoj. Sergej Anikejev (Rusio) klarigis la floradon de sep diversaj religioj en Vladivostoko post la malfermiĝo de tiu longe izolita havenurbo. Thérèse Depecker (Francio) parolis pri la toleremo necesa inter religioj. Paul J. de Sailly (Aŭstralio) koncize rakontis pri la simbiozo de la bahaa kredo kaj Esperanto. Fine, ĉiu silente meditis aŭ kontemplis laŭ sia propra maniero.

### Samseksamo: Mankas virinoj

Ok neformale kunvenintaj membroj de Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj esprimis bedaŭron pri la tuta manko de inoj en LSG. Alian vesperon kelkaj LSG-anoj vizitis Seulan gejan kafejon. Ili konstatis ke koreoj ne facile akceptas gejecon, do koreaj gesamseksamuloj devas vivi en tre kaŝa maniero. (P. Danning)

### Statistiko: Signifa landero

Laŭ pastro Francisko Andreoni el Tajlando, en tiu lando troviĝas nur du parolkapablaj e-istoj. (UEA fakte havas tri membrojn tie.) Do, ĉar li ja venis al Seulo, en la 79-a UK partoprenis duono (triono?) el la tajlanda e-istaro! Kiu lando povas konkuri kun tia procentaĵo?

### Trinkejoj: Verdaj vesperoj

Kio pli agrablas ol babili kun amikoj en trinkejo? En Seulo oni povis fari tion en Esperanta etoso eĉ eksterkongrese! La restoracio Kabin situis je mallonga busveturo disde la hotelo Sheraton, dum la kafejo Sur kaj ĝia ĉarma mastrino Min Ĝonĝin estis trovindaj en la urbocentro, en labirinto da etaj stratoj kun pitoreskaj domoj kaj teejoj.



*De maldekstre: Dieter Rooke, Hervé Gonin kaj Jean-Pierre Danvy survojas al kviza venko, dum Michela Lipari poentumas.*

## Furoraj funeloj

Dum pli ol la antaŭviditaj 90 minutoj maratonis en la salonego Lapenna la "Kvizo" (vorto ne en PIV), kies demandojn kunmetis Aldo de' Giorgi. Preskaŭ cent spektantoj observis la luktadon de kvar tripersonaj teamoj, kiuj respondadis al foje ekstreme malfacilaj demandoj pri la Esperantaj leksiko, historio kaj literaturo. (Ekz.: Kiam kaj kie eldoniĝis la unua Esperanta poŝtmarko?)

Gajnis nek la teamo "Frenezaj junuloj" (Caio Carlos Cruz Ferreira Silva, Rolf Ernst, Jorg de Mulder), nek "Jujuboj" (GOTOO Hitosi, Paulina Lazarova Stojneva, SIBAYAMA Zyun'iti), nek "Ajloj" (BAK Giŭan, Probal Daŝgupto, Barry Savage), sed la pure eŭropa opo "Ruzemaj funeloj" (sur la bildo).

La UEA-estraranino pri kulturo, Michela Lipari (kies nomo mem estis respondo al unu el la demandoj), notis la poentojn, dum HUZIMOTO Tatuo reĝisoris la tuton helpe de multaj paperfolioj. Tamen ne li, sed Lipari kisis la triumfintojn, al kiuj ŝi enmanigis *Retoriko* de Lapenna. Danvy tuj donacis sian ekzempleron al Kamboĝa E-Asocio. ★

*Internacia Familia Jaro:*

# Plurlingveco estas natura stato

**La ĉefa aranĝo de UEA dediĉita al la Internacia Familia Jaro, la scienca simpozio "Internacia familio – ĉu utopio aŭ realaĵo?", okazis de la 6-a ĝis la 9-a de julio en Graz (Aŭstrio).**

Organizis ĝin Inter-kulturo el Maribor (Slovenio) kaj Loka Organiza Komitato prezidata de prof. Karl Haas; aŭspiciis kaj kunfinancis la Sekretariato de UN por la Internacia Familia Jaro (kies direktoro, d-ro Henryk Sokalski, salutis letere), la urbestro Alfred Stingl, kaj la landestro de Stirio, d-ro Josef Krainer.

14 fakuloj el 10 landoj prezentis 15 referaĵojn en 4 sekcioj. Dank' al nova interpret-sistemo ankaŭ multaj el la 75 partoprenantoj povis vigle kundiskuti: ĉiu rajtis paroli propralingve, kaj ĉio dirita tuj tradukiĝis al E-o. Eĉ neesperantistoj estis pli ol kontentaj, ĉar ili vidis ke la publiko estas tre aktiva kaj demandema.

En la unua sekcio, "Familioj de diplomatoj", sub la gvido de prof. Klaus Perko, prelegis la e-istaj diplomatoj Seán O'Riain (Irlando) kaj Jozef Reinvart (Slovakio). La forestanta Ralph Harry (Aŭstralio) kontribuis per "Familioj de diplomatoj – lingvaj kaj aliaj problemoj kaj avantaĝoj" kaj "La familio en la socio". Ni aŭdis ke la infanoj en diplomataj familioj, kiuj edukiĝas en pluraj lingvoj kaj vivas tute ne-nacie, ĉefe fariĝas mondcivitanoj kaj ofte mem eniras miksitajn geedzecojn.

En la sekcio "Nacie miksitaj familioj", gvidata de Mark Fettes (Kanado), oni aŭdis prof. Jana Bezenšek (Universitato de Maribor, Slovenio) pri la situacio de elmigrintoj el suda eks-Jugoslavio en la slovena regiono Velenje, kaj d-ron Peter Guran (Internacia Centro por Familiaj Studoj, Bratislavo) pri popolmiksiĝoj en Slovakio, kie pli ol 23% de la loĝantaro ne estas slovaka.



*Internacia grupeto sur luksa tapiŝo de la landestrejo de Stirio*

La Esperanto-sekcio, prezidata de d-ro Hans Michael Maitzen, traktis E-familiojn en kiuj la infanoj estas minimume dulingvaj. Prelegis d-ro Balázs Wacha (Hungario, "Dulingveco en unuetna familio esperantista"), Ernő Csiszár (Hungario, "La etoso de familiaj renkontiĝoj"), Anna Besenyei (Hungario, "Kiel mia filino ellernis legi, aŭ la hejme farita legokajero"), Thomas Kleemann (Germanio, "Mi estis dulingve edukita en la patra germana kaj patrina japana lingvoj"), Renato Corsetti (Italio, "Esperanto-familioj"), Zlatko Tišljar (Slovenio, "Edukaj valoroj de dulingveco ĉe infanoj") kaj Barbara Pietrzak (Pollando, "Esperantistaj diversnaciaj familioj antaŭ la mikrofono de Pola Radio – ĉu edukado al toleremo?").

### Kiel plani plurlingvan edukon

La sekcio konkludis ke ekzistas multaj manieroj plane eduki infanojn en pluraj lingvoj: la sistemoj persona (unu persono = unu lingvo), situacia (la situacio difinas kiun lingvon uzi), eĉ tempa (diversaj lingvoj en diversaj partoj de la tago). Ĉiu donas bonan rezulton, se la gepatroj agas konsekvence. La infanoj de E-familioj havas grandajn avantaĝojn en lernejoj, ĉar ili pli facile lernas lingvojn kaj estas ĝenerale tre diligentaj kaj sciemaj. Tio okazas ĉar unu aŭ ambaŭ gepatroj investas multe da tempo por edukado en tiu frua aĝo kiu difinas la karakteron por la tuta vivo.

Fine, en la sekcio "Emociaj kaj lingvaj rilatoj en miksita familio", kiun prezidis Balázs Wacha, oni laŭtlegis la prelegon "Edukado de infanoj en plurlingva medio" de d-ro Amri Wandel (Israelo), kaj Zdravka Metz (Kanado) prezentis referaĵon pri "Trilingveco ĉe infanoj".

La programo inkluzivis lanĉon de la nova "intereso-grupo" Rondo Familia por la specifaj bezonoj de mezaĝaj e-istoj kun familio, ekspozicion pri dulingva E-edukado, akcepton en la urbestrejo kaj kulturvesperojn fare de gejunuloj, kiuj parolis pri siaj nunaj sento kaj kompreno pri la rolo de Esperanto en sia edukado, kaj prezentis la germane-Esperante dulingvan poemaron *Misgvidaj ĝardenoj de l' sopiro* de la 16-jara aŭstra poetino Sigrun Krampl (esperantigis Maja Tišljar).

## Familiaj bezonoj

15 Esperanto-familioj kun 50 membroj alvenis el 8 landoj al Maribor (Slovenio) por pasigi tie la 16-an Renkontiĝon de E-istaj Familioj (REF) de la 9-a ĝis la 16-a de julio.

Inter plej diversaj ekskursoj, vizitoj kaj banadoj restis tempo por debati pri Rondo Familia, fondita por la bezonoj de mezaĝaj e-istoj kun familioj, kiun provizore estros Renato Corsetti (prezidanto), Zlatko Tišljar (financoj), Ernő Csiszár (REF-oj), Mauro Tauzzi (nova redaktoro de *Cirkulaĵo por E-lingvaj paroj kaj familioj*), Kristoforo Fettes (Infanaj Kongresetoj) kaj Zdravka Metz (eksterEŭropa agado).

En 1995 la REF okazos en Tata (Hungario), kaj en 1996 probable en Bratislavo (Slovakio). zt

**Konstatoj kaj rekomendoj**

En la ferma kunsido la simpozio akceptis konkludan dokumenton kun konstatoj kaj rekomendoj al UN, responde al peto de d-ro Sokalski. En la konstatoj de la simpozio i.a. ni trovas ke:

• la plurlingveco — ne la unulingveco — estas esence natura stato de la homo, se oni konsideras ankaŭ la dialektojn kiel diversajn lingvojn;

• miksitaj (internaciaj) familioj estas amasa realaĵo de la nuntempo, ĉar jam plurdek milionoj vivas en familioj nacie, lingve, religie miksitaj;

• la plurlingveco estas esenco de la vivmaniero de minoritatoj, ĉar nur per la flegado de la minoritata lingvo la familio povas reteni ligon al sia origina kulturo;

• la plurlingveco en miksitaj familioj prezentas avantaĝon por la infanoj kaj por la gepatroj: ĝi kondukas al pli intensa komunikado ene de la familio, al pli stimula edukado en la antaŭlerneja aĝo, al scivolo kaj malfermiteco al aliaj homoj, kaj al pli rapida kaj facila lernado de pluaj lingvoj;

• E-o kiel familia lingvo helpas grave al eduko de homoj pli proksimaj al la idealoj de UN kaj la celoj de la monda internacia komunumo;

• problemoj de internaciaj miksitaj familioj fontas el socio kiu plej ofte akceptas la aksiomon "unu nacio — unu lingvo".

La rekomendoj de la simpozio por UN ampleksas kvar punktojn:

1. UN proklamu inter la homaj rajtoj ĉies rajton je sia*j* lingvo*j* (ne nur je unu sia lingvo). Tiun rajton devas agnoski kaj praktiki speciale tiuj institucioj kiuj rekte okupiĝas pri familioj.

2. Oni rekomendu al internaciaj institucioj dokumenti la plurlingvecon, enketi kaj kolekti statistikojn pri familia plurlingveco aŭ pluridenteco.

3. Oni subtenu miksitajn familiojn per helpo kaj konsiloj, eldonante broŝurojn en multaj lingvoj kaj fondante konsilajn instituciojn.

4. La simpozio subtenas ke la Bratislava Internacia Centro por Familiaj Studoj fariĝu prifamilia centro de UN, kaj rekomendas al ĝi okupiĝi pri la supraj celoj.

**Zlatko Tišljar**

*Akademio de Esperanto:*

# Kolokvo en Prago

La unua kolokvo de la Akademio de Esperanto "Pri la stato kaj estonteco de la internacia lingvo Esperanto" okazis en Prago inter la 7-a kaj la 14-a de julio. Bedaŭrinde ĝia iniciatinto, la prezidanto André Albault, devis rezigni pri sia partopreno pro forta malpliboniĝo de sia sanstato.

La kolokvon, kiun aranĝis la eduka entrepreno de Petro Chrdle, KAVA-PECH, partoprenis 37 homoj el 11 landoj. Post la inaŭguro fare de la vicprezidanto, d-ro Werner Bormann (Germanio), akademianino Eli Urbanová prezentis kelkajn siajn poemojn. La fakaj prelegoj sekvis sin jene:

Michel Duc Goninaz (Francio): *Pri reguleco de Esperanto*

Jean Thierry (Francio): *Raymond Schwartz, la vortĵonglisto*

Christer Kiselman (Svedio): *Transitivaj kaj netransitivaj verboj en Esperanto*

Detlev Blanke (Germanio): *La konkurantoj de Esperanto; La enciklopedia vortaro de Eugen Wüster*

Werner Bormann (Germanio): *Defio faklingvo*

Rüdiger Eichholz (Kanado): *Principoj de selektoj de fakaj terminoj*

Ian Jackson (Britio): *Fakaj terminoj en ĉiutaga vivo*

Karl-Hermann Simon (Germanio): Lexicon silvestre — *novspeca eldono en la forstfaka literaturo*

Judith Jackson (Germanio/Britio): *Bestoj en la taksonomia ĝangalo*

Petro Chrdle (Ĉeĥio): *Specifaj trajtoj de la sciencaj kaj teknikaj verkoj en Esperanto*

Marie Bartovská (Ĉeĥio): *Teksumo kaj Esperanto*

Alicja Lewanderska (Pollando): *Sociaj taskoj en Esperanto*

Petr Chrdle: *Spertoj de profesia uzo de Esperanto*

Wim de Smet (Belgio): *Nova biologia nomenklaturo*

Ĉiujn ĉi prelegojn enhavos libro de ĉ. 200 paĝoj, kiu aperos ankoraŭ dum 1994 ĉe KAVA-PECH.

**Petro Chrdle (Ĉeĥio)**

*Eŭropa Esperanto-Festivalo:*

# Pri minoritatoj, en Hungario

La amasinformiloj taksis interesa la Eŭropan Esperanto-Festivalon en Százhalombatta, apud Budapeŝto, inter la 9-a kaj 15-a de julio. La ĵurnalistojn interesis ĉefe la temo "Minoritata lingvouzo en Eŭropo", traktata en la konferenca parto, kie prelegis i.a. Ronald Lötzsch (soraboj en Germanio), István Kabók (hungaroj en Jugoslavio), Dirk Willkommen (minoritatoj en Ŝlesvig-Holstinio), Anita Perić Altherr (slovenoj en Italio), Llibert Puig (minoritatoj en Hispanio), Jenő Zágoni (hungaroj en Moldavio, sikuloj en Transilvanio) kaj Oszkár Princz (mortintaj lingvoj en la Karpata Baseno).

La ĉ. 380 festivalanojn el 22 landoj atendis ankaŭ, krom riĉa programo turisma kaj kultura de la 4-a Internacia E-Kongreso, prelegoj de la 4-a Eŭropa Esperanto-Forumo.

Michael Cwik parolis pri bezono de eŭropa konvencio pri lokaj lingvoj kaj kulturaj malplimultoj, Mark Fettes pri la rilato inter E-o kaj lingvaj minoritatoj, Seán O'Riain pri spertoj ĉe la Konsilio de Eŭropo, Giorgio Silfer pri e-istoj kiel specifa lingvo-minoritato, Umberto Broccatelli pri la perspektivoj de eŭropa unuiĝo kaj la rolo de Esperanto en ĝi, kaj Hans Erasmus pri lingvopolitiko en la Eŭropa Unio.

El la abunda arta programo speciale menciindas la du monodramoj prezentitaj de Jerzy Fornal el Varsovio, la litova familia kantgrupo Piŝĉikas, Bulgara Esperanto-Teatro (*Mi ne plu konas vin*) kaj la Moskva pianistino Galina Staneŝnikova.

Rezulte de la konferenco pri minoritata lingvouzo, Monda Kunagado, la Unesko-asocio por e-istoj (kiu cetere serĉas kunredaktoron por sia revuo *Monda Forumo*), kompletigos sian projekton pri minoritataj kaj minacataj lingvoj per ilia skriba kaj sonbenda dokumentado.

**Oszkár Princz (Hungario)**

*Afriko:*

# Juna kongreso en Tanzanio

Viktoria Lago aperis lastatempe en novaĵelsendoj pro la miloj da homaj kadavroj el Ruando kiuj ĝin infestis. Ne tro for de tie samtempe fariĝis okazaĵo esperiga por la afrika movado: la duan tanzanian Esperanto-kongreson, inter la 11-a kaj 16-a de junio, gastigis la urbo Mwanza. Kunvenis ĉ. 35 junaj homoj el la tuta lando, kiuj povis partopreni nur per helpo de la Afrika Fondaĵo de UEA. (Kiel la asocio kongresus, se ne venus helpo de UEA? Pri monomanko ofte temis en la diskutoj.)



*La kongresanoj ĉerpis energion el fiŝoj de Viktoria Lago.*

La plej multaj kongresanoj sekvis intensan kurson pri E-gramatiko. Alia laborgrupo okupiĝis pri korektoj por vortaro svahila-Esperanta.

Elektiĝis nova estraro, daŭre kun Mramba Simba (prezidanto) kaj Costantine Mashauri (sekretario).

Du novaj estraranoj estas s-ro Sao, la sola nejunulo en la asocio, kiu lernis E-on ankoraŭ de Tibor Sekelj, kaj la radio-ĵurnalistino Nyambona Massamba, unu el la tri virinoj en la kongreso. Ŝiaj tutlande aŭdeblaj raportoj eĉ logis aliajn e-istojn al la kongreso.

Mi mem estis la sola eksterlanda partoprenanto. Laborante en la ĉefurbo Daresalamo, mi povis facile liberiĝi dum du semajnoj por instrui Esperanton en Mwanza.

Ĝis nun Esperanto en Tanzanio plej allogis vilaĝanojn — terkultivistojn, metiistojn, instruistojn. Por ili E-o senkonkurencas kiel facila kaj ofte tute senkosta lernaĵo promesanta esperon je leteramiko el la riĉa mondo. El de la kamparo tamen la movado ne povas memstariĝi. Por tio necesas profesiuloj en la urboj, malfacile varbeblaj. La nova estraro havas pli fortan bazon en la ĉefurbo, kaj tie ekde ĉi tiu jaro regule okazas varbado kaj kursoj.

La tanzania movado rapide kreskis en siaj nuraj du jaroj de organizita ekzisto. Eksterlandaj vizitantoj bonvenas, ekz. al la Kvara Afrika Kongreso, kiun la kongreso decidis inviti al la urbo Moshi apud Kilimanĝaro, la plej alta monto de la kontinento.

**Horst Gruner (Germanio/Tanzanio)**

## La Tria Afrika Kongreso

**23 decembro 1994 – 7 januaro 1995**
**Winneba, Ganao**

ankoraŭ akceptas aliĝojn!

La kondiĉojn kaj aliajn informojn vd. en la numeroj maja (p. 83) kaj junia (p. 111), aŭ skribu al Hans Bakker (adreso en la kolofono).

*Fervojistoj:*

# Espero, obstino, pacienco

"Modernaj fervojoj — Komuna Eŭropo — Novaj impulsoj — Esperanto" estis la slogano de la 46-a Kongreso de Internacia Fervojista E-Federacio (IFEF), kiun la aŭstraj fervojistaj e-istoj gastigis de la 13-a ĝis la 20-a de majo en la ĉe-Danuba urbo Krems, kun 401 partoprenantoj el 21 landoj.

Multaj reprezentantoj de ŝtataj kaj sociaj organizaĵoj salutis la kongreson, i.a. la alta protektanto, trafikministro Viktor Klima. La solenan inaŭguron ĉeestis pluraj anoj de la Honora Komitato.

La internacian libertempan federacion por fervojistoj, FISAIC, reprezentis d-ro Erwin Semmelrath, kiu salutis en E-o kaj emfazis ke la aliĝo de pluraj novaj landoj al FISAIC dankendas al kontaktoj e-istaj. Li transdonis oran medalon al Pierre Robiolle, prezidanto de la franca IFEF-sekcio.

# Fake

### Informado: Rusa radio

La ruslingva radio-servo de la brita kompanio BBC aŭdigis en matena programo, la 4-an de majo, triminutan raporton pri E-o en Ĉinio. La gvidanto ŝerce konkludis: "La afero de Esperanto vivas kaj venkas". La 30-an de julio la Moskva radiostacio "Libereco" elsendis viglan, 50-minutan diskuton pri E-o, kiu menciis la samtempe okazantan UK kaj aŭdigis E-kantojn. Tutlanda televida kanalo registris — por elsendo inter julio kaj septembro — kvar erojn de intelekta ludo kun partopreno de la e-istoj Garik Kokolija, Viktor Arolović, Tatjana Lugovskaja kaj Valentin Melnikov; preskaŭ ĉiu havis okazon diri kelkajn vortojn pri E-o. (*Ruslanda E-isto*, Jelena Lebedeva)

### Instruado: Kursestro serĉata

La urbeto Bunda en Norda Tanzanio estas de longe verda punkto sur la mapo, dank' al la senĉesa agado

La vicprezidanto de IFEF, István Gulyás, citis festparole la Zamenhofajn "espero, obstino, pacienco": ili aparte necesos en la plej aktuala tasko de IFEF, varbado de gejunuloj.

La komitato de IFEF interalie akceptis la proponon sendi instigan leteron al 16 fervojaj administracioj en Eŭropo, kiuj ne utiligas Esperanton en siaj oficialaj horarlibroj, kaj decidis pri la loko de la venontaj kongresoj: Pécs (Hungario) en 1995 (20-26 majo), Hago en 1996 kaj Košice (Slovakio) en 1997.

Naŭ prelegoj de ok fakuloj prezentis diversajn temojn, de "Restrukturado de la ĉeĥa fervojo" ĝis "Novaj aŭtomataj bremsad-sistemoj" kaj Alpa transit-trafiko.

Tuttaga ekskurso celis la pilgrimejon Mariazell. La Kulturan Vesperon plenigis koncerto de Ĉambromuzika Koruso kaj kvarteto Danubia, ambaŭ el Krems, kaj dum la Aŭstra Vespero ravaj danc- kaj muzik-grupoj ilustris la riĉecon de la loka folkloro. Plurkoloran kongresan kurieron redaktis Andrzej Pettyn.

**Laŭ pluraj raportoj**

*Sennacieca Asocio Tutmonda:*

## Kongreso sen politiko

Pli ol 300 personoj el dudeko da landoj partoprenis la 67-an Kongreson de SAT, inter la 16-a kaj la 23-a de julio en la sudmoravia urbeto Strážnice (Ĉeĥio). Ĉi-okaze la ĉeĥa nacia kompanio TELECOM eldonis Esperantan telefonkarton en 2500 ekzempleroj. (Sur unu flanko videblas la kastelo Strážnice kun noto pri la kongreso, sur la alia reklamoj por la e-ista entrepreno La Espero kaj por Amnestio Internacia.)

La programo ĉefe konsistis el la Laborkunsido, kiu traktis internajn aferojn de SAT (komparebla kun la komitat-kunsido de UEA, kvankam — almenaŭ pasive — partoprenata de la plej multaj SAT-kongresanoj). Abundis ekskursoj kaj folkloraj prezentoj. Komplete mankis politikaj prelegoj kaj debatoj en tiu (kiel oni substrekas) "neneŭtrala" kaj "peresperanta" asocio. La ununura prelego temis pri "aromterapio". Kunsidis kiel sekcioj de SAT la naturamikoj (TANEF), la liberecanoj (anarkiistoj) kaj la junulfako. Fondiĝis komunista laborgrupo. Aparte interesa estis neformala kunsido pri la planata reviziado de PIV. Mesaĝon de UEA transdonis (la ne-SAT-ana) komitatano Detlev Blanke.

La 68-a SAT-kongreso okazos en 1995 en Maribor (Slovenio).

**Laŭ raportoj de Detlev Blanke (Germanio) kaj Vladislav Hasala (Ĉeĥio)**





**La revuo de la profesioj kaj de la servoj.**

Provekzemplero: 2 IRK al

**TAKE - LA DOMO**

RN 83

68920 WINTZENHEIM

FRANCIO


de Mramba Simba (vd. ekz. *Esperanto* 1992 jun., p. 11). Nun Simba organizas, per monhelpo de la Eduka Fondaĵo Carson, septagan kurson en decembro por infanoj kaj gejunuloj, komencantoj kaj progresantoj. Por ĉi lastaj li serĉas bonan instruiston, kiu gastos senpage en Bunda. Skribu al T.E.A., Box 23390, Dar-es-Salaam, Tanzanio.

### Junularo: 45, 40, 25, 13, 7, . . . ?

La jarfina Internacia Seminario de Germana E-Junularo kunigas gejunulojn el tuta Eŭropo. Tamen, la proporcio de orient-eŭropaj IS-anoj falas ĉiujare ekde 1989 (vd. la %-ojn ĉi-supre). Por kontraŭi tiun tendencon, GEJ decidis grandigi la rabatojn por "orientanoj" kaj disdoni stipendiojn de 300 markoj al 5-10 el ili, laŭ konsidero de individuaj cirkonstancoj, devenlando kaj kontribuo al la programo. (*GEJ-Gazeto*)

### Konkurso: Verku soci-politike

La urbestraro de El Vendrell (Hispanio) aljuĝos la Premion Andreu Nin (1 miliono da pesetoj; ĉ. 13 000 gld.) al esplora verko aŭ tezo pri sociaj kaj politikaj temoj, verkita en kiu ajn lingvo (do ankaŭ en Esperanto), kiu estos prezentita ĝis la 31-a de decembro. La E-lingvan konkursan regularon mendu ĉe Barcelona E-Centro, Carreras i Candi 34-36, ES-08028 Barcelona, Hispanio. (S. Aragaj)

### Kulturo: FAME-premioj

La 4-an Esperanto-Kulturpremion de FAME-Fondaĵo kaj la germana urbo Aalen ricevos, la 23-an de oktobro en Aalen, *Heroldo de Esperanto* kaj Spomenka Štimec. *Heroldo* estos distingita pro sia preskaŭ 75-jara kontribuado al la E-kulturo; Štimec ricevos la premion kaj kiel verkistino kaj pro multjara aktivado ĉe Internacia Kultura Servo (Zagrebo).

Post la morto de la fondinto de FAME, Alois Meiners, oni elektis kiel novan prezidanton Stefan Maul; vicprezidanto iĝis Utho Maier. La ĝisnuna vicprezidanto, Rainer Heckhausen, elektiĝis proparolanto de la fondintoj. FAME (Stefan Maul, Pferseer Str. 15, DE-86150 Augsburg, Germanio) alvokas kreskigi la kulturan kapitalon per donacoj.

## Ago-Tago: la 8-an de oktobro

Partoprenu manifestacion, samtempan en pluraj landoj, por la rajto je demokratia komunikado inter ĉiuj homoj kaj popoloj, la 8-an de oktobro, sabate! Jam de kelkaj jaroj esperantistoj regule manifestacias dum la internacia Ago-Tago ĉe politikaj instancoj kaj amasinformilaj centroj, starigas budojn, aranĝas gazetarajn konferencojn — faras ĉion por altiri la atenton de ĵurnalistoj kaj de la ĝenerala publiko.

Se vi estos intervjuata, menciu multajn *faktojn*. Por sugesti kelkajn el la ĵusaj monatoj: la okazigo de Universala Kongreso en Seulo kaj la forta reprezentiĝo de azianoj tie; la leterkampanjo de esperantistoj dum la eŭropaj elektoj kaj la respondoj de politikistoj; eĉ la surmerkatiĝo de bela traduko de *Krimo kaj puno* de Dostojevskij . . .

Se la dato 8-a de oktobro nepre ne konvenas pro iu kialo, uzu alian tagon proksiman. ★

# Loke

### Bulgario: Aleksiev 85-jara

Festkunveno organizita de la Federacio de Socialistaj Ĵurnalistoj honoris en Sofio, la 29-an de junio, la 85-an naskiĝtagon de Honora Membro de UEA, multjara prezidinto de Bulgara E-Asocio (BEA) kaj de Mondpaca E-Movado, Nikola Aleksiev. Omaĝe prelegis la ĉefredaktoro de la gazeto *Duma*. Multaj leteroj kaj mesaĝoj, i.a. de la Bulgara Socialista Partio, de la ĵurnalista asocio kaj de BEA, gratulis la daŭre aktivan kaj verkantan Aleksiev, kiun ankaŭ UEA salutis per letero.

### Germanio: OSIEK pri ksenofobio

La aktualan temon de fremdulmalamo analizis en Homburg (Germanio, 16-22 julio) i.a. Eugène de Zilah, Zbigniew Galor kaj Ilona Koutny en la ĉi-jara konferenco de OSIEK (Organiza Societo de Internaciaj Esperanto-Konferencoj), kiu ankaŭ ĉiujare aljuĝas premion al originala nebeletraĵo aŭ al esperantigita verko. La premio, kies nuna valoro estas 300 ekuoj, iris al Rüdiger Eichholz pro lia *Esperanta Bildvortaro*. En la venontjara IEK (Varsovio) oni traktos pri "Vivo kaj verko de Ivo Lapenna".

### Hungario: Nova estraro

La 28-an de majo, delegitoj de Hungara E-Asocio aprobis dokumenton pri lingva politiko de HEA kaj elektis novan estraron por 4 jaroj, i.a. István Gether (prezidanto), Endre Dudich kaj József Halász (vicprez.). La 18-an kaj 19-an de junio Ronda Tablo de 12 hungariaj E-societoj akceptis plurajn sindevigajn decidojn, ekz. pri ekfunkciigo de rebata servo kaj aktivula reto. (*Eventoj*)

### Italio: Inaŭguro por infanoj

La 15-an de majo ĝardeno por infanoj en Cuorgné (Piemonto) ricevis la nomon "Esperanto". Antaŭ ĉ. 80 e-istoj prof. Mario Sola prelegis pri "Esperanto: propono de valoroj en la griza hodiaŭa panoramo". Prof. Elisa Aprozio transdonis salutojn de la respublika prezidanto Oscar Luigi Scalfaro al sia amiko Sola kaj ties edzino. (*KEC-Bulteno*)

# Oficiala informilo

PATRONOJ DE TEJO 1994
Francio: Claude Longue-Epée; Jacques Decobert; Léon Goudé; Hervé Mougin; Michel Petit.

SOCIETO ZAMENHOF 1994
Aŭstralio: Nassif Isaac. Nederlando: Willy Keizer.

NOVAJ DUMVIVAJ MEMBROJ
Kolombio: Maria Bea V. Hoekstra. Korea Respubliko: Barry Savage. Svedio: Margareta Ohlsson.

DONACOJ 1994 (gld.)
ĝis la 31-a de julio

**Fondaĵo Afriko:** Finnlando: L. Huttunen 10,02; T. Sormunen 200,00. Francio: J-P. Beau 93,50. Germanio: H. Nischwitz 336,97. Nederlando: Konversacia grupo Nijmegen 402,50. Svedio: SEJU 24,07. Sumo ĉi-jara 2932,72.
**Fondaĵo Ameriko:** Institucio Hodler 500,00. Francio: R. Yafil 51,00. Sumo ĉi-jara 1151,00.
**Fondaĵo Ĉinio:** Nederlando: R.B. Ruig-de Vries 50,00; A. Schouten-Buys 25,00. Sumo ĉi-jara 475,00.
**Fondaĵo Canuto:** Finnlando: T. Sormunen 200,00. Francio: J-F. Clet 327,00; La Espero, Cannes 49,05; G. Letzgus 32.70. Germanio: W. Ruff 60,00. Japanio (por aziaj e-istoj): S. Aikawa 70,96; Y. Akada 354,80; N. Arai 35,48; Y. Hayakawa 35,48; Y. Hotta 35,48; M. Itabasi 35,48; Y. Itou 70,96; I. Katou 35,53; K. Katou 35,48; K. Kazawa 35,48; K. Kobayasi 35,48; T. Koyama 35,48; H. Kumaki 35,48; S. Mitukawa 35,48; K. Nakahira 35,48; T. Nisio 177,40; Y. Oozato/Mijazaki Esp. Soc. 35,48; Y. Sasaki 35,48; Y. Takeuti 35,48; H. Takubo 35,48; M. Toyoda 35,48; K. Turumi 35,48; I. Wajik 35,53; JEI-filio, Ehime 53,29. Pollando (por aziaj e-istoj): J. Werdin 120,00. Svislando: Mapag 130,28. Diversaj malgrandaj 2,72. Sumo ĉi-jara 9605,39.
**Ĝenerala Kaso:** Britio: J.R. Medway 19,53; J.C. Rapley 25,00; N. Williams 565,10. Germanio: H. Welger 56,42. Usono: A.S. Casey 97,06; W. Worrell 96,14. Diversaj malgrandaj 7,62. Sumo ĉi-jara 4263,42.
**Konto Espero:** Britio: W. McCallum 70,35; Brita sekcio de KELI 562,80. Ĉeĥio: J. Rada 75,08. Francio: La Espero, Cannes 49,05; G. Letzgus 32,70. Germanio: familio Blanke 224,55. Diversaj malgrandaj 9,81. Sumo ĉi-jara 3583,13.
**Fondaĵo Grabowski** (en usonaj doloroj): Hispanio: F.J. Dávila Dorta 54,00. Norvegio: E. Matland 14,75. Sumo ĉi-jara 468,75.
**Fondaĵo Oficeja Ilaro:** Britio: Anonima-Cornwall 135,75. Sumo ĉi-jara 135,75.
**TEJO:** Kanado: N. Fleury 137,85. Sumo ĉi-jara 153,85.
**Volontula fondaĵo:** Britio: Anonima-Cornwall 135,75. Sumo ĉi-jara 335,75.

**Al ĉiuj tre koran dankon!** UEA


# Anoncetoj

**Amway** estas grandega usona kompanio kiu disvendas pli ol 5000 varojn kaj servojn nur tra privataj distribuantoj. Laŭleĝe ĝi funkcias en la jenaj landoj: Argentino, Aŭstralio, Aŭstrio, Belgio, Brazilo, Britio, Ĉeĥio, Francio, Germanio, Gvatemalo, Hispanio, Honkongo, Hungario, Indonezio, Italio, Japanio, Koreio, Malajzio, Meksiko, Nederlando, Novzelando, Panamo, Pollando, Portugalio, Svislando, Tajlando, Tajvano. Tiu kiu volas ke mi kandidatigu ŝin/lin kiel distribuanton bv. kontakti min. Kent Jones, Distribuanto, 5048 N. Marine Dr., D-6, Chicago, IL 60640, Usono.

**Sinjoro Johano Vigner dankegas** por la poŝtkartoj ricevitaj okaze de sia centa datreveno.

**Kolektas bildkartojn** handikapuloj: 8-jara François Masson, Roussel 8, FR-25000 Besançon, Francio; 17-jara Cédric Munnier, Capucines 10, FR-25000 Besançon, Francio.

## Filmoj de Roman Dobrzyński

En modela Esperanto. Profesi-nivele. Malmultekoste.
Ĉiuj filmoj de Roman Dobrzyński estas akireblaj ĉe la Libroservo de UEA.

**Esperanto.** 1987. VHS-PAL. 45 min. Dokumento pri la praktika funkciado de E-o en tri kontinentoj, kun bazaj informoj pri la movado. 75,00 gld.

**Bonvenon al Bjalistoko.** 1988. VHS-PAL. 50 min. Informriĉa prezento de la naskiĝurbo de Zamenhof, kun multaj detaloj pri lia junaĝo. 59,70 gld. La sama en NTSC: 90,00 gld.

**Varsovio cent jarojn poste.** 1988. VHS-PAL. 60 min. Raporto pri la 72-a UK. 75,00 gld.

**La reveno al Finnlando.** 1991. VHS-PAL. 25 min. Dokumenta televida filmo pri la vizito de polo al la nordfinna komunumo kie li estis militkaptito. Esperanto rolis kiel ponta lingvo dum la filmado. 45,00 gld.

**Ŝafejo de la naŭa profeto.** 1992. VHS-PAL. 30 min. Historio, celoj kaj aktuala situacio de bahaismo, rigarde el ĝia monda centro kaj ĝiaj sanktaj lokoj. 45,00 gld.

**Viena ringo.** 1992. VHS-PAL. 20 min. Turisma gvidilo pri Vieno. 36,00 gld.

**Bona Espero.** 1993. VHS-PAL. 30 min. Pri la agado de la konata E-farmbieno en Brazilo. 49,80 gld.

**La vizito de la Imperiestro. La kontenta drako. La koncerto.** 1993. VHS-PAL. 80 min. Dokumentaj filmoj pri Ĉinio. 75,00 gld.

**Malto.** 1994. VHS-PAL. 30 min. 45,00 gld.

**Spuroj de la avo.** 1994. VHS-PAL. 30 min. Vizito de Louis C. Zaleski-Zamenhof al urboj en Pollando, Litovio kaj Bjelorusio, kie vivis lia avo. DUONO DE LA ENSPEZOJ ESTAS DEDIĈATA AL LA INFANKLINIKO L. L. ZAMENHOF EN BJALISTOKO. 60,00 gld.

*"Se ekzistus en la realo la lando Esperantujo, jen unu el la tekstoj, kiujn oni certe legus en ĉiuj mezgradaj lernejoj."*

RENATO CORSETTI




La nova 18-a eldono, prinotita de prof. G. Waringhien, faras maksimumajn klopodojn tekste reiri al la 1-a eldono de 1903, sed grafike resti ĉe la bela 17-a eldono de 1954.

18 + 446 paĝoj. Tole bindita kun legrubando kaj kromkovrilo. Prezo: 48,00 guldenoj (32,00 gld. ekde 3 ekzempleroj).

**Mendu ĉe la Libroservo de UEA!**




## Tendaraj tagoj

**tri kajeroj**



- **specife por junuloj 10- ĝis 14-jaraj**
- **speciale emfazas parol-kapablon**
- **alloge ilustrita de Pavel Rak**
- **kun notoj por instruistoj**



**Verkis Stefan MacGill.**
**Eldonis ILEI/UEA/HJEA.**

**Prezo: 12,00 gld. por la unua, 15,00 gld. por la dua kaj 18,00 gld. por la tria kajero. Triona rabato ekde 3 ekz. ĉe UEA.**

**Fondaĵo Canuto**

*Multaj arde deziras membriĝi en UEA, sed ne ĉiuj povas. Via donaco al Fondaĵo Canuto helpos nin teni la kontaktojn kun tiuj, kiuj suferas pro transpagaj baroj. Antaŭdankon pro via solidareco!*

## KAPTU LA ŜANCON

sen granda investo, startigi Vian propran komercon el Via propra hejmo, vendante altkvalitajn juvelojn de la mondkonata firmao CABOUCHON.

**UNIKA ŜANCO POR BONA GAJNO!!!**

Interesitoj turnu sin al:
TDK-Eksport,
Strandvej 22,
DK-4771 Kalvehave,
Danlando

TD EKSPORT ☆☆☆

tel.: +45/55/311-010 fakso: +45/55/311-011

**Language Problems & Language Planning**

Journal of the Center for Research and Documentation of World Language Problems

**La problemoj. La solvoj. La rolo de planado en la homa komunikado. Kaj la kontribuo de Esperanto.**

Redaktas: Probal Daŝgupto, Klaus Schubert, Humphrey Tonkin

Eldonas: John Benjamins, P.O. Box 52519, Amsteldijk 44, NL-1007 HA Amsterdam.

Aperas trifoje jare.
Individua abono: 65,00 gld.
Institucia abono: 138,00 gld.

Abonu pere de la Libroservo de UEA.

## *Aŭtobiografio de nederlanda SS soldato en Anglio*



PHILIP BUTTINGER,
la konata londona gastiganto.

Verko legebla kiel spionromano, sed spicita de malkaŝaj romantikaj epizodoj.

*234p. 9,90 gld. En la angla: 15 gld. Mendu ĉe la Libroservo de UEA.*

---

**Ankaŭ vi povas kontribui!**

**Fondaĵo Ameriko**



helpas al la Esperanto-movado en Centra kaj Suda Ameriko. Vian donacon vi povas sendi pere de la kotizperanto en via lando aŭ rekte al UEA. Dankon!

---

Modernaj ekipaĵoj pliefikigas la laboron de la Centra Oficejo.

**FONDAĴO OFICEJA ILARO**

bonvenigas ankaŭ vian donacon. Koran antaŭdankon!

---

ABONU KAJ ABONIGU

# EL POPOLA ĈINIO

**Unu el la plej popularaj revuoj en la internacia Esperanto-Komunumo, distribuata de la Redakcio ekde 1994**



- 12 numeroj jare, kun koloraj kaj nigrablankaj bildoj
- Informoj pri la Esperanto-movado tra la mondo
- Esperanto-rubrikoj "Voĉo de Esperantistoj", "Por Komencantoj", "Inter Ni" k.a.
- Aktualaj raportoj pri la progreso kaj socia kaj popola vivo de nuna malferma Ĉinio
- Interesaj artikoloj pri la tradicia kulturo, historio, literaturo, arto, medicino, filozofio, k.a. de ekzotika Ĉinio

**Abontarifo por Eŭropo: 1 jaro 51,00 NLG 26,00 USD**

**Abonu ĉe UEA kaj EPĈ-perantoj en diversaj landoj aŭ rekte ĉe la ĝenerala distribuanto: Distribua Fako de EPĈ, P.O. Kesto 77, CN-100037, Beijing, Ĉinio.**

---

El la eldonejo de UEA:

## VETERO KAJ KLIMATO DE LA MONDO

**Denis Riley & Lewis Spolton / tr. Kris Long**

Ĉu ankaŭ vi konfuziĝas inter cirusoj, stratusoj kaj kumulusoj? Ĉu vi scivolas pri la rilatoj inter etiopia sekiĝo kaj svislanda inundo? Aŭ ĉu vi nur volas prognozi, ĉu pluvos hodiaŭ? Ĉiukaze vi profitos el ĉi tiu renoma popularscienca verko, kiu per amaso da ilustraĵoj kondukas vin senerare tra la meteologia labirinto. 132p. 25cm. Mendu ĉe la Libroservo de UEA: 28,50 gld. plus sendokostoj; triona rabato ekde tri ekzempleroj.

---

# NIA LEGOLIBRO PLEJ RIĈA




**Nova Esperanta Krestomatio**

redaktita de William Auld

- klasikaj ekzercoj
- originalaj rakontoj
- ĉerpaĵoj el la mondliteraturo
- studoj "el vivo kaj sciencoj"
- prilingvaj artikoloj

*kaj du unikaj antologietoj:*

- La Esperanta Muzo (la Majstro, la lingvo, la Ideo, satiro)
- Internacia Liriko (specimena poemaro el 73 lingvoj)

Jubilea Kolekto n-ro 5. 509 p. 21 cm. Tole bindita kun kromkovrilo kaj paĝrubando. 57,00 gld. Mendu ĉe la Libroservo de UEA: triona rabato ekde tri ekzempleroj.